XIª jaro. Nº 166 (7) ☆ Duonmonata ☆ 20 aprilo 1914

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . 5. — Frankoj (2. — Sm.)
Luksa eldono . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I.824.— Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## INTERNACIA SOLIDARECO

Ni ĉi sube publikigas la elokventan paroladon de S-ro senatano *La Fontaine* ĉe la festeno, kiu lastatempe okazis en Parizo je la honoro de du Nobelpremiuloj, ambaŭ tre favoraj al Esperanto, nome senatano La Fontaine, eminenta pacifisto, direktoro de la Oficejo de la Internaciaj Asocioj en Bruselo kaj Nobelpremiulo por la paco, kaj S-ro profesoro *Richet*, fama sciencisto, fervora pacamiko, Nobelpremiulo por medicino. La subaj linioj trafe resumas la nunajn ĉefideojn de la scienca pacmovado.

Ekzistas en la vivo de la homoj horoj de neesprimebla ĝojo; inter ili estas tiu, kiun mi nun travivas kaj por kiu mi tuj diras al vi mian dankadon. Kia pli alta ĝojo ol kunsenti kun aliaj homoj, konfesi komunan idealon, kaj kia idealo: kunigi ĉiujn popolojn en unu popolo, el la plej diverslandaj regnanoj fari unu solan homaron!... Tiu ĝojo, tiu tuta ĝojo estas necesa al tiuj, kiuj batalas meze de la nescioj, de la malkomprenoj kaj de la egoismoj. Por venki oni devas resti ĝojaj malgraŭ la malvenkoj, kaj tiaj ni restas, ĉar sur niaj fruntoj ni jam eksentas la karesojn de la morgaŭ leviĝonta suno. Kaj se ni havas tian certecon, tian konsolon, se ni kuraĝas fari tian profetajon, tio okazas, ĉar ni de nun posedas sciencon de la paco kaj ĉar la pacon ni ŝuldos al la scienco.

Ĝi armis nin per nerefuteblaj argumentoj. La biologio instruis nin pri la malbono, kiun plenumis la milito al ĉiuj, kiuj ĝin trouzis, la terurajn difektojn, kiujn ĝi poste lasas, la regresan selekton, kies fatala kaŭzo ĝi estas. La psikologio montris al ni la krudecon kaj la submetiĝon, kiuj karakterizas la popolojn formitajn per la militista disciplino. La sociologio malkaŝas al ni tiun admirindan evolucion, kiu en la daŭro de l'tempo la primitivajn gentetojn kaj klasojn anstataŭigis per la vastaj imperioj, la federitaj ŝtatoj, la kunligitaj regnoj de la nunaj tagoj. La ekonomia scienco vidigas al ni la interplektiĝon de la interesoj, la grandegan disvolvon de la interŝanĝoj, la tutmondajn konsekvencojn de la krizoj. La jura scienco, super la regiona kaj nacia juro, ellaboras internacian juron ĉiutage pli precizan, pli vastan, pli ordonan kaj pli obeatan.

Kaj jen, el la nebulo, ekstaras la Societo de la Nacioj; ĝi aperas kiel grandioza monumento, kies fundamentojn preparis miloj da disaj penoj.

Kiam Papin konstruis sian kaldronon, kiam Watt observis sian boligilon, kiam Stephenson imagis sian vaporveturilon groteskan kiel karikaturo, kiam Chappe unuafoje konstatis la ekpulsojn de sia simplega telegrafilo, kiam Galvani eklaboris la unuajn elektrajn fenomenojn, ĉu ili imagis, tiuj modestaj scienculoj, ke apenaŭ post unu jarcento ĉiam pli rapidaj kaj pli gigantaj ŝiparoj disveturos al ĉiuj horizontoj, ke la tero estos enpremata en la maŝoj de fera kaj ŝtala retaro, ke dank'al nevideblaj ondoj interaŭdiĝos niaj malproksimaj voĉoj, ke ni tremos aŭdante la rakonton pri katastrofoj kaj faroj okazintaj hieraŭ ĉe la antipodoj. Kaj tamen ĉion tion ni travivas per intensa kaj ekscitanta vivo; kaj al tiaj mirindaĵoj ni estas tiel alkutimigitaj, ke ni devas pripensi por konscii pri ili. Ĉio estas la rezultato de la scienco. Tiel la scienco instigas al la paco.

Ĉar la paco estas farita el la simileco de niaj bezonoj, el la simileco de niaj emocioj, el la simileco de niaj esperoj; ĉiuj elpensoj, al kiuj mi per kelkaj nesufiĉaj frazoj volis altiri vian atenton, havis tiun rezultaton, ke ili faris la homojn pli similaj al la homoj. Ni estas ne sole la civitanoj de niaj naciaj patrujoj, ni pli kaj pli estas la civitanoj de la internaciaj patrujoj. Kiaj ajn estas niaj metioj aŭ profesioj, ni sentas nin multe pli proksimaj al tiuj homoj, kiuj

havas la samajn priokupojn kiel ni, ol al tiuj homoj, kiuj renkontataj sur la strato havas komune kun ni nur la teron, kiu nin portas. Kaj jen dank' al la komunikiloj, kiuj permesas al la individuoj alproksimiĝi, intervidiĝi, kundiskuti, formiĝas kaj plimultiĝas internaciaj grupiĝoj, kongresoj diskutas kaj voĉdonas kiel parlamentoj, kreiĝas oficejoj, kiuj same kiel ministerioj, administras kaj direktas; sub niaj okuloj tuta mondorganizo naskiĝas kaj ekregas la mondon. Ne plu ekzistas nur patrujoj malamikaj, enfermitaj en limoj trabaritaj de doganoj kaj fortikaĵoj, ekzistas de nun, kvazaŭ veraj sociaj tavoloj, supernaciaj patrujoj, vastaj kiel la tero; inter ili nenia limo, nenia antaŭjuĝo; krei inter la homoj pli da kunlaborado, pli da reciproka interhelpado, pli da konkordo, jen ilia unika priokupo; fruktodonaj laboratorioj ili estas, kie la plej sentimaj ideoj estas akceptataj kaj aklamataj, admirindaj hejmoj, kie ĉiuj koroj akorde batas kaj ĉiuj manoj frate interplektiĝas.

Tie ellaboriĝis la nun internaciaj leĝoj pri la patentoj, la fabrikmarkoj, la literatura kaj arta posedo, la kambio, la mara juro, la internacia privata juro, la protektado de la laboristoj; tie oni pensis unuecigi la poŝton, la kalibrilon de la fervoja materialo, la marajn signalojn, la marajn vojojn, la telegrafan lingvon; tie estis studitaj la akordigo de la terminaroj, la fiksado de la fundamentaj unuoj de l'energio, de l'potencialo, de l'elektreco; tie oni priokupiĝas pri la simpligo kaj unuecigo de la tera kaj aera veturado, pri la sekurreco sur la oceanoj kaj la protektado al la elmigrantoj; laŭ similaj metodoj oni observas la meteorologiajn, vulkanajn, sismajn, astronomiajn fenomenojn; tie estas starigita la karto de l'ĉielo kaj morgaŭ la karto de l'mondo; tie oni ekatakis la kanceron, la tuberkulozon, la ĥoleron, la dormomalsanon, la flavan febron, la peston, la alkoholismon, kaj malantaŭeniĝis tiuj malfeliĉegoj; tie oni unuigis la farmakopeojn, reguligis la pezojn kaj mezurojn, protektis la birdojn, la maloftajn bestarojn kaj florarojn, certigis la esploradon de la maroj kaj la mezuradon de la tero. Kaj jen, el la supro de la Eifelturo simbole sonas la horo ĉiutage por la mondo kaj laŭ la konsento de l'mondo!

Ĉar vere la tempo venis, ke la homaj horloĝoj reguliĝu laŭ unika horloĝo. La ritmo de la gestoj trudas sin al tiuj, kiuj jam kune laboras. Venis la horo de la definitivaj interkonsentoj kaj de la necesaj alproksimiĝoj. Kiel povus pretervivi la malamoj, kiam niaj naciaj vivoj tendencas fariĝi kaj jam fariĝis tutmondaj vivoj, kiam la scienco nuligis la distancojn, kaj morgaŭ ni en dudek aŭ tridek horoj flugiros de Parizo al Nov-Jorko, de Berlin al Tokio, de Londono al Kaplando, kiam kosmopolitaj estas niaj legaĵoj, kiam Tolstoj, Ibsen, d'Annunzio, Tagore, Maeterlinck, Zola najbaras sur la bretoj de niaj bibliotekoj, kiam d'Indy kaj Debussy estas aplaŭdataj en Berlino, kaj Wagner kaj Strauss en Parizo, kiam la kotono venas al ni el Usono aŭ Egiptujo, la lano el Aŭstralio, la viando el Argentino, la kafo el Java, la kaŭĉuko el Brazilujo, el Kongolando kaj el Malakka, la teo el Ceylono kaj el Ĥinujo, la feloj el Kanado kaj el Siberio, la petrolo el Kaŭkazo, el Pensilvanio aŭ el Rumanujo, kiam niaj reloj penetras Afrikon, kiam la Diesel-maŝino movas ĉiujn ŝipojn, kiam al ni ĉiuj Edison donis la elektran lampon kaj la fonografon, kiam ĉie Marconi plantis la antenojn de la radiotelegrafio, kiam en unu vespero la kinematografo vojaĝigas nin sub ĉiuj latitudoj, kaj nin promenigas tra la pejzaĝoj de la tero kaj la multforma agado de la popoloj!

Dank'al ĉiuj tiuj disaj elementoj, al ĉiuj tiuj faktoj amasiĝantaj kaj konverĝantaj, ni nun havas pacifistan doktrinon. Ili permesis al ni konstrui la sciencon de la paco, la sciencon de la solidareco, de l'interhelpado, de l'monda ekvilibro. De tiam ni havas politikon, kaj ni scias, ke ni trudos ĝin al la mondo; kion mi diras, ni jam trudis ĝin. La parlamentanoj kaj la diplomatoj jam estas influitaj de ĝi. La unuaj kreis la Interparlamentan Union, kies agado sur la registaroj devas fariĝi kaj fariĝos pli konstanta kaj pli trudal a; la aliaj kunvenis en Packonferencoj, kiuj jam donis al ni la konstantan Arbitracian Kortumon kaj malgraŭ siaj hezitoj kaj prokrastoj morgaŭ donos al ni la Internacian Kortumon de Justeco. Sed precipe kun ni estas la popolamasoj, la nemezurebla nombro de la proletarioj. En ilia frata koro resonis nia voko, ili komprenis, ke grandaparte ilia mizero devenas el tiuj mortaj elspezoj, per kiuj vivas la potenculoj de la internacia metalurgio kaj je kiuj fieriĝas la registaroj. Al nia liberiga laboro ili alportas sian obstinon, kiun hardis ilia ŝvito kaj ilia volo ekscitita de la sufero kaj de la penado...

De nun ni povas ekvidi la estontecon, estontecon eble pli proksiman ol ni kuraĝas esperi, kiam la unuigitaj nacioj havos nur la celon sin reciproke helpi, interŝanĝi produktojn kaj ideojn, pli bone koni por pli bone estimi unu la alian, kunlabori por ĉerpi el la tuta tergrundo la nemezureblajn riĉaĵojn, kiujn ĝi enhavas, kaj, anstataŭ la mortiga kaj stulta konkurenco, starigi la racian kaj kune pripensitan ekspluatadon de la terglobo!

Kaj ni iam vidos, en grandiozaj procesioj, sen alia armilo ol ĝiaj laboriloj, la homaron ĝojege interfratiĝantan.

*Henri La Fontaine.*
Trad. *A. R.*

 SOCIA VIVO 

## Hinda verkisto: Rabindranat Tagor

Rabindranat Tagor, la hinda poeto, kiu antaŭ nelonge ricevis la Nobelpremion, estas fama de post multaj jaroj en tuta Hindujo kaj ĝenerale en la orienta mondo. Tamen li estis nekonata en Anglujo kaj en cetera Eŭropo ĝis la antaŭpasinta jaro, kiam li publikigis libron de poemoj kaj religiaj himnoj sub la titolo „Gitanjal". Ĝi estas ritma traduko anglen de liaj verkoj el bengala lingvo.

Jen kion la poeto rakontis pri si mem al raportisto de iu angla ĵurnalo: „Mi vizitis nur malmultajn lernejojn, ĉar mi havis por ili antipation. Mia patro vidinte, ke ĉiuj liaj klopodoj restis senfruktaj, lasis min al mia sorto. Neniu pensis, ke mi por io taŭgos. Kiel sovaĝulo mi kreskis. Nenio krom la legado allogis min. Mi legis ĉion, ankaŭ ne komprenante ĝin. La vortoj estis similaj al sonoj, kiujn mi sentis en la animo. En la biblioteko de mia patro estis kelkaj sanskritaj libroj, kiujn mi legis ne komprenante ion. Kiam mi venis Anglujon sammaniere mi legis la anglajn poetojn. Tennyson kaj Shelley estis por mi kiel la poetoj, kies verkojn mi legis en sanskrita lingvo. Mi legis ilin, sed la ideo pri ilia enhavo estis tre neklara. Tre juna mi komencis verki; proze kaj poezie mi skribis. Poezio ŝajnis al mi la plej natura esprimmaniero".

La fama irlanda poeto Yeats, kiu skribis la antaŭparolon al „Gitanjal" diris: „Mi konas nenian samtempanan verkon, kiun oni povus kompari al tiuj ĉi lirikaĵoj. Ankaŭ en ĉi tiu laŭlitera proza traduko ili estas ĉarmaj, ĉu pro la stilo, ĉu pro sia pensa enhavo."

Efektive, Tagor estas vera poeto.

Ĉiu lia poemo, ĉiu strofo, ĉiu vorto estas plena je tia sincereco, elementa beleco, elementa ĉarmo kaj simpleco, ke oni ne povas ne raviĝi per liaj kreitaĵoj.

Por ni, Eŭropanoj, estas malfacile, preskaŭ neeble kompreni, kiom populara kaj adorata en la patrujo estas ĉi tiu poeto, kiu malgraŭ sia juneco, eldonis jam kvar volumojn de

versoj. Kiam li havis nur 19 jarojn, li jam estis fama. La linio de lia vivo estas harmonia postsekvo, senriproĉa ĉiam leviĝanta kurbaĵo. Komence li kantis pri naturo, pri ĝiaj floroj kaj koloroj, poste li kreas amajn poemojn, kiujn ne hontus subskribi la plej granda nacia poeto Katagaritsagara. Disvolviĝinte kaj pliprofundiĝinte, li fariĝas vera filozofo.

La kreitaĵoj de Tagor havas universalan karakteron. Oni povas aŭdi kaj flari hindan panteismon en ĉiuj liaj verkoj. Sed neniu diros, ke Tagor apartenas nur al Hindoj, ke li havas hindan koron, kies batoj ne povas resoni en la koro de Eŭropano. En multaj rilatoj Tagor similas Sanktan Franciskon, ĉar lia panteismo tute diferenciĝas de panteismo de l'sennombraj Vedoj. Lia idealo estas viva korpo! Li preĝas al ĝi, li parolas kun ĝi.

„Ho, Dio!" li ekkrias. „Tiel forte mi amas la vivon, ke sentime mi renkontos la morton!"

En ĉi tiuj vortoj sonas ne heroa pesimismo de liaj praavoj, sed tute kristana rilato al vivo kaj morto.

Solenan kaj majestan pacon oni aŭdas en la kantoj de Tagor. La poeto kredas, kaj lia kredo havas ĉiujn elementojn de l'homara kredo; ĝi havas nenion retorikan. La animo de Rabindranat estas pura kaj klara kiel kristalo.

Li estas amo, ĉar li estas vivo. Li havas junan, trememan koron, kiu amas la amon. Lia vizaĝo estas ĉiam turnita al tiuj, kiuj aŭdas lin, kiuj komprenas lin, kaj lia animo kaj liaj aspiroj kuniĝas kun la animoj kaj aspiroj de liaj aŭskultantoj. Nenio en la mondo estas malbona, malbela, malestiminda. Super la tuta mondo etendiĝas senfina, senlima boneco, kaj la homa koro estas tiel granda, ke ĝi povas enhavi amon por ĉio spiranta kaj vivanta. Maljuna pilgrimanto, ĉarma knabino, kolektanta la falintajn florfolietojn de rozo, servistino, atendanta la revenon de sia sinjoro, almozpetanta mizerulo, suna subiro — ĉio estas nur diversaj aperoj, diversaj formoj de sama dia penso. Kaj la dia penso estas ritmo de l'mondo. Dio ekzistas. Dio frapas nokte sur niajn pordojn. Dio estas inter ni.

Tagor estas naiva kaj sincera, kiel malgrandaj infanoj. Li havas naivecon de l'infano, profundan komprenon de l'filozofo kaj humilon de l'sanktulo. „Mi venkos vin per florgirlandoj kaj trofeoj. Mi estas atendonta vin, Dio, en ombro, kaj, se Vi ekvolos, Vi mallaŭte aliros al mi kaj sidiĝos apude kun mi... Mi atendas Vin, Dio!"

Tagor estas proksima al ni laŭ sia lingvo, laŭ pensoj, laŭ koro. Lia animo leviĝas tiel alte, ke sub ĝi forviŝiĝas kaj malaperas ĉiuj limoj kaj baroj, starigitaj de la homoj. La tuta tero estas por li granda ĝardeno, kie li ploras aŭ ridas kun homoj, kun arboj, kun birdoj — liaj fratoj.

Laŭ *Rupčič* (Dubrovnik) kaj *Vigodskij.*

---

## La ekonomiaj perspektivoj de Albanio

Ke Albanio, la plej juna el la Eŭropaj ŝtatoj, en kiun nun eniris kiel landestro princo Wilhelm von Wied, ne estas tiom malgrava kaj malriĉa, kiom ĝin penas kredigi iaj interesuloj, tion pruvas artikolo en *Deutsche Levante-Zeitung* (de O. Hoberg), el kiu jen resumo:

Estas vero, ke la Turkoj faris nenion por kulturigi la landon. Tial tute mankas al ĝi transportvojoj (fervojoj, ŝoseoj, ktp.), la brutedukado kaj terkulturo estas en tre malbona stato. Krom tio la milito paralizis ĉiun ekonomian vivon, kaj en la interna lando la mizero eĉ nun ankoraŭ estas tre granda.

Sed tial oni ne pensu, ke en Albanio la industrio kaj komerco ne trovos oportunan kampon, kaj ke por la agrikulturo ne ekzistas taŭga terfundo. Oni scias, ke per ekrego de trankvilo kaj ordo, per prospera rikolto, per pruntoj, kiuj, elspezataj por publikaj laboroj, disfluigas monon en la landon, la ekonomia stato baldaŭ pliboniĝos. Tio estas ankaŭ la opinio de kelkaj viroj, kiuj bone konas la landon. Sed ĉar ĝiaj enspezoj estas ankoraŭ necertaj kaj ŝanĝemaj, estis necese, ke la grandŝtatoj disponigis 30,000,000 Sm. por la ekonomia evoluigo de la nova ŝtato.

Rilate al terkulturo, Albanio estas riĉa lando. Laŭlonge de la marbordo en la mezo kaj sudo ĝi posedas vastajn fruktodonajn ebenaĵojn. Tamen oni ekspluatas apenaŭ dekonon de la kulturigebla terfundo, bonegaj regionoj kuŝas senkulturaj, aŭ servas kiel paŝtejo. La primitiva ligna plugilo enpenetras nur malmultajn centimetrojn, racia sterkado estas nekonata, la brutrasoj degeneris. Oni kulturas nur tiom da kampo, kiom estas necesa por propra bezono. Tamen per proporcie malmulte da mono oni povas starigi bienojn donantajn grandan profiton. Ĉie la fundo estas taŭga por tritiko kaj maizo, en meza kaj suda Albanio la olivo donas riĉajn rikoltojn, frukto- kaj ĝardenkulturo bone povas prosperi en la akvoriĉa lando. Sed oni devos importi modernajn agrikulturajn ilojn kaj maŝinojn. Kompreneble ankaŭ por la brutedukado la lando estas tre taŭga.

La ebleco de industria evolucio baziĝas sur la riĉeco de la lando je mineralaĵoj, kiun konstatis germanaj esploristoj. Ne nur feron kaj karbon, kiuj kelkaloke estas facilege eltireblaj, eĉ oron, arĝenton, hidrargon kaj mineralajn oleojn oni trovas. Per ekspluatado de l'arbaroj la lando gajnos multe da mono. Same efikos starigo de fabrikoj por komercaĵoj el la krudaj produktaĵoj. Malmultekostan elektran forton donos la alte kuŝantaj lagoj kaj la riveroj. Jam fondiĝis industriaj societoj por tiu celo.

Sed por ĉio ĉi tio unuavice estas necesa la konstruo de landstratoj (kun pontoj), fervojoj kaj telegrafoj. Jen la unua tasko, al kiu devos servi la supre nomita pruntkapitalo. Jam aŭstriaj ŝipsocietoj aranĝis regulan servon inter la Albaniaj kaj Aŭstriaj havenoj.

Oni do povas esperi, ke tiu lando, kiu dum multaj jarcentoj vidis nur malpacon, militon kaj kruelaĵojn, fine trovos pacan disvolviĝon, kaj iom post iom enviciĝos inter la kulturnacioj.

*Joseph Sommer* (Del. Lippstadt).

---

## Nuntempa Maroko kaj ĝia evolucio

III.

La palaco kaj la admirindaj ĝardenoj, jen estas la plej bela ornamaĵo de Marrakeĉ. Kiu simple pasas tra la polvaj stratoj ne suspektas ilin malantaŭ ilia ĉirkaŭmuro, ilia fortika envolvaĵo. Multaj apartenas al altranguloj aŭ al riĉaj indiĝenoj. Tamen la plej vastaj estas posedaĵo de la protektorata bienaro aŭ estis reakiritaj de ĝi post diversaj sortoj. Tia estas la palaco de Baia, kiu nun servas kiel loĝejo de la franca ĝeneral-reprezentanto, kiam li venas en Marrakeĉ, kaj kie instaliĝas parto de la registaraj servoj. Tia estas la dar Beida, meze de la ĝardenoj de Agnedal, kie provizore sidas la militista hospitalo.

Tiuj palacoj estis konstruitaj nur antaŭ dudek aŭ tridek jaroj. Ili estas vastaj konstruaĵoj kun labirinto de domoj, kortoj, internaj ĝardenoj. Multaj ĉambroj estas grandiozaj kaj belstilaj. Interese estas noti, ke la araba arto, kies belajn malnovajn kreaĵojn oni admiras sude de Hispanujo, tie konserviĝis; metiistoj ankaŭ scias ĉizi en la stuko, laŭ sia inspiro, ornamajn motivojn riĉajn kaj variajn, kiuj estas poste pentrataj en tre brilaj nuancoj; tiun murdekoracion kutime kompletigas, ĉe la malsupra ĉirkaŭparto, borderaĵo el kolorita fajenco. Supre, ligna plafono, ofte en formo de ŝipkorpo, kun traboj videblaj kaj skulptitaj; ĉion tion kovras desegnaĵoj kun helegaj koloroj.

Eble tiu grandega palaco de Baia estas tro dispecigita, sen granda arkitektura koncepto, eble la ĝenerala efekto estas tro oferita pro la delikateco de la detaloj. Sed oni senrezerve povas admiri la grandan korton de l'dar Beida kun ĝiaj pordegoj kaj imponaj kolonoj, ĝiaj fontanoj, ĝia akvotavolo. En malpli impona stilo, la tuta palaco de Dar-Si-Said, kie restadas generalo Brulard, estas pura ĉefverko de eleganteco kaj harmonio tiel en la proporcioj kiel en la interna ornamo.

La ĝardenoj najbaraj al tiuj palacoj kaj ofte tre vastaj, estas belegaj kaj majeste simplaj: grandaj alirejoj ortangulaj, ofte plantitaj de malnovaj olivarboj; en la kvadratoj, ĉiuspecaj fruktarboj: persik-, pir-, cidoniarboj, ialoke oranĝaŭ mandarinplantaĵoj, granatarbetoj, florantaj geranioj, rozujoj kovrataj de malfermiĝontaj florburĝonoj kaj starigantaj la altan kapon super la fruktarbaro, grandaj rigidaj cipresoj malhele verdaj kaj palmarboj, kiuj fine de malrekta kaj tordita trunko balancas tufon de folioj, kiujn skuetas la vento.

Kanallaboraĵoj direktas la akvon sinsekve al ĉiuj kvadratoj. Ialoke, ĉe la centro de la ĝardenoj, kuŝas grandega akvujo; tiu grandega kvieta spegulo, ĉirkaŭita de platŝtone pavimita trotuaro, havas tiom pli admirindan aspekton, ke de ĝiaj plialtigitaj bordoj oni superrigardas la verdaĵon de la ĝardenarboj, el kie ekmontriĝas la gracia silueto de la palmarboj. Super tiu antaŭaĵo de tropika belegeco, altiĝas la blueta linio kaj la neĝkovritaj pintoj de la Atlasa montaro: multpinta linio sunbriligata, kie vesperiĝe la nuboj dolĉe almetiĝas.

Ĝuante la ĉarmon de tiuj ĝardenoj kaj la tiel subtilan arton de tiuj palacoj, oni elvokas la bildon de tiu araba civilizacio, kies estintecon ni admiras en Andaluzio kaj kies estantecon oni ne devas ignori en Maroko.

Tiu sama malnova civilizacio ŝajnas pretervivi ankaŭ en la politika kaj socia organizo de tiu maroka regiono, organizo ankoraŭ mezepoka, sed reala kaj ekzistanta, tre malsama je la anarkio, kiun oni trovas aliloke. Tie ĉi ni ne trovas amason de nekapteblaj kaj moviĝemaj gentoj: ili estas grandaj kaj fortaj grupoj, kie la centra aŭtoritato estas plenumata de potenca „kaido", kies funkcio estas preskaŭ hereda en la sama familio. Ili submetiĝis al la franca aŭtoritato kio kaŭzis, ke la lando estis pacigita almenaŭ en la limoj, kie ilia aŭtoritato estis akceptita. Por taksi la gravecon de tiu rezultato, oni devas rememori ne sole pri la jam malnovaj okazintaĵoj, kiel la mortigo de la eminenta Franco Doktoro Mauchamp en Marrakeĉ, sed ankaŭ pri la tragediaj komplikaĵoj dum aŭgusto 1912: ĉiuj Eŭropanoj devigitaj forkuri, forpelitaj de la loĝantaro per ŝtonoj, ok francoj restintaj malliberaj dum tri semajnoj kaj liberigitaj nur la 8 septembro pro la venka alveno de la militekspedicio Mangin. Jen tute freŝaj faktoj, kaj tamen, kelkajn monatojn poste, tiu suda regiono ŝajnis tute pacigita.

En Marrakeĉ oni ĉie povas iri sen timo. Kun iom da antaŭzorgo, akirante la konfidon de la indiĝenoj, oni eĉ povas vojaĝi internlande kaj ĝis la montaro, kvankam la franca aŭtoritato tion malkonsilas pro timo de malfeliĉa okazontaĵo. Por amantoj de la vojhazardoj kaj de eksterеŭropaj pitoreskaĵoj, estas tre kurioza kampo esplorinda. Oni tamen devas zorge informiĝi pri la trapasotaj regionoj kaj rilatiĝi kun la grandaj „kaidoj", kiuj akceptigas la vojaĝantojn de siaj reprezentantoj en la vizitotaj lokoj. Tiamaniere oni ne renkontas malamikecon de la berbera loĝantaro, kiu vivas sur la senfruktaj plataĵoj kaj en la fruktodonaj valoj, kiujn superregas la Atlasa montaro per sia radiluma superbeleco.

En la najbareco de Marrakeĉ oni unue rajdas sur la ebenaĵo kun la malgrasa argila grundo. Estas dezerto, kie oni tamen ialoke trovas izole en la mezo de vastaj nekulturaj terspacoj, fruktoĝardenojn ĉirkaŭitajn de muroj tie, kie la akvo, kiu kuŝas je ia profundeco, povis esti alkondukata ĝis la grundsupraĵo. Kiam la subteraj fontoj estas abundaj, la akvoprenaj laboraĵoj bone prizorgataj, la kulturejoj estas pli vastaj kaj formas mirindajn oazojn. Tia estas Tamesluhat, kiu apartenas tute al ŝerifo aŭ profetido, afabla homo, kiu sankta pro sia destino kaj certa pri sia estonteco en la postmorta mondo tre ĝoje priatentas la aferojn de la ĉitiea mondo. Ĝia bieno enhavas precipe belegajn olivplantaĵojn, sub kiuj oni kulturas la tritikon aŭ la hordeon. La vinbero ankaŭ tre bone sukcesas. Tuta vilaĝo de laboristoj kaj mastroj kuŝas flanke de la alta loĝejo ĉirkaŭita de cipresoj. Pro sia neatencebla kaj sankta karakterizo, tiu „zania" ofte servis kiel rifuĝejo al la indiĝenoj forpelitaj el sia hejmo dum la konstantaj militoj, kiuj ruinigis la regionon.

Ĉe la montflankoj de Atlanto la akvo estas pli abunda, la kulturejoj pli vastaj, la grundo pli produktema kaj malpli ŝtonhava. Kelkaj mallarĝaj kaj zigzagaj valoj estas rimarkinde fruktodonemaj. La berberaj vilaĝoj estas multenombraj, plej ofte fortikigitaj, alte sidantaj sur montosupraĵoj. Kelkaj, ruinigitaj antaŭ kelkaj jaroj, estis nur parte rekonstruitaj.

Ĉio atestas pri militstato, kiu antaŭ la franca okupado estis konstanta. Amismisz, la plej grava centro de la regiono, estis dezirita kaj sinsekve okupita, en la lastaj du jaroj, de la grandaj „kaidoj" Glaui, Mtugui, Gundaji, kiuj deziris forporti al sia montaro la riĉaĵojn de tiu favorata regiono. La fortikaĵo, aŭ Agadir, rezistis je kelkaj memorindaj atakoj. Same pri la kasbaho de Omar Sektani, potenca fortikaĵo kun krenelitaj muroj, en la plej bela situacio imagebla, ĉar ĝi superregas, super olivarbaro, la ebenaĵon de Marrakeĉ, la montaron de Djebilet kaj aliflanke sidas kontraŭ la neĝpintoj de Atlaso. La teritorio de la dependanta gento, nome la Sektana, antaŭ ok monatoj, estis ruinigita de Gundalfi, sed la kastelo venke kontraŭstaris je longa sieĝado.

*(Daŭrigota.)* Laŭ *P. Duchesne-Fournet.*

Trad.[1] *A. R.*

## La higienaj kondiĉoj de la tropikoj

Antaŭ la eltrovo de la infektebleco de la flava febro per speciala moskito, proksimume dekdu jarojn antaŭe, estis relative malmultaj havenoj ĉe la Antilia Maro kaj ĉe la Golfo de Meksikujo, kiuj je la saneca vidpunkto estis konsiderataj kiel danĝeraj lokoj. La fremdulo, kiu enloĝiĝis en tiuj regionoj, multe riskis. La malsukceso de la Francoj ĉe la fosado de la Panama Kanalo estas grandparte kaŭzita de ilia nescio pri la efiko de la infekto de la flava febro kaj de la malario.

La malseka temperaturo, la oftaj pluvoj, la terkondiĉoj faciligantaj la kreskon de la riĉega floraro de la tropikaj regionoj, estas tre favoraj por la disvolviĝo de la malsanigaj ĝermoj de mortigaj malsanoj. La sperto pruvis, ke nur la higieno povas ilin izoligi kaj sekve nin ŝirmi; tial ĉiuj penadoj de la scienculoj koncentriĝis je tio. La prosperaj rezultatoj de la spertoj en Panama estas mondfamaj; nuntempe ĉiuj grandaj entreprenoj kreitaj sub la tropikoj unue organizas taŭgan kuracistaron, ĉar ili konstatis, ke la sano de la laboristoj estas la unua sukceskondiĉo.

La moskito *Stegomya calopus* transigilo de la flava febro estis studita en Habana (Cuba); ĝiajn terurajn dezertigadojn elmontris D-ro Carlos Finlay. La hospitalo Walter Reed en Washington restos daŭra rememoro pri la scienculo, kiu sciis batali kaj morti por sia celado; dank'al li, tiu mal-

[1] El „*La Revue hebdomadaire*" (Paris).

saniga tropika regiono transformiĝis en landon absolute sanigan kaj enloĝindan. La trapasanto tiel same kiel la konstante enloĝanta kamplaboristo riskas nun nenion; oni povas diri, ke la sanecigo de la tropikoj komencis sur tiu vojo.

La akiritaj spertoj estis poste aplikitaj en la brazila tero; ili helpis al la konstruado de la fervojo ĉirkaŭ la akvofaloj de la Rio Madeira, kiu alproksimigis la praarbaron je la homloĝataj regionoj. La higienaj aranĝoj faritaj en Porto Velho ebligis la konstruadon de vojo longa je 354 km; antaŭ kvardek jaroj oni estis farinta senfruktajn provojn je la konstruado de tiu fervojo, sed la mortoj estis tiel oftaj, ke oni devis forlasi la laboron; nuntempe, dank'al la scienco la tieaj vivkondiĉoj estas transformitaj.

Konsekvenco de la higiena plibonigo de tiuj regionoj estis la plivastigo de la tropikaj entreprenoj. Tion pruvas al ni la ekzemplo de la kompanio United Fruit C°. Grandega kapitalo estis enmetita en tiun entreprenon, kiu okupas 32.000 laboristojn. En la respublikoj de Panama kaj Costa Rica ĝi dungas 19.000 laboristojn, kiuj estas dissemataj sur surfaco de 321 km². En Nicaragua, Guatemala, Honduras, ĝi okupigas 13.000 laboristojn sur 402 km². Tiu kompanio sukcese ekspluatas ĉirkaŭ 400.000 hektarojn — kio necesigis 50.000 homojn. Interkonsente kun la kuracista aŭtoritato, la marĉoj estis sekigitaj; ilin anstataŭis kulturkampoj, kaj oni instalis multajn havenojn, kiujn la Usona higiena servado uzis por kvarantenigi la suspekteblajn ŝipojn. Por atingi pli certan kaj pli kompletan rezultaton, la kompanio preferis havi propran kuracistaran servadon, kiu prizorgas ĉiujn hospitalojn de la kompanio kaj la viziton de la ŝipoj albordiĝantaj en la diversaj havenoj.

Konsiderante la gravecon de la United Fruit C° en kelkaj respublikoj de la Antilia maro, interese estas noti kelkajn detalojn pri la progresado de tiu organizaĵo. En Guatemala 100.000 akroj de fruktodona tero certigas la laboron al amaso de laboristoj; oni nun intertraktas pri la sanecigo de la haveno Barrios, ĉe la Antilia maro; doko de 304 metroj estas konstruata, kaj en Quirigua, 64 km internlande, hospitalo antaŭ nelonge estis organizita. En tiu sekcio la kompanio dungis 5000 laboristojn, al kiuj kaj al kies familioj ĝi liveras kuracistan helpadon. La sekcio de Santa Marta, en Kolombio, posedas kuracistaron jam de pluraj jaroj; aliaj plibonigoj estas nun projektitaj. En insula Cuba tiu kompanio estas tre grava; en tiu lando, la higiena demando prezentas pli grandajn malfacilaĵojn pro la trapasantaj terlaboristoj, kies iro kaj veno postulas konstantan atenton. Dum la lasta epidemio de pestvundoj en Cuba, la kuracistoj de la kompanio unuiĝis kun la kuracistoj de la ŝtato por kontraŭbatali la ĝeneralan propagadon de tiu terura malsano. La 7000 oficistoj de la United Fruit C° estas en tiel kontentiga sanstato en Cuba kiel ĉe la aliaj filioj de la kompanio en Usono.

Per tio oni vidas, ke la tropikoj, kie antaŭe konstante staris la minaco de la flava febro, fariĝis nun loĝeblaj sen danĝero dank'al zorgema kaj serioza higieno. *Ero.*

## La sep modernaj mirindaĵoj

III

*V. Antisepsaĵoj kaj antitoksinoj*

Sin protektante kontraŭ la sovaĝaj bestoj, diris iu franca verkisto, la homo faris la unuan antaŭen-paŝon al la civilizacio; hodiaŭ, sin protektante kontraŭ la mikroboj, li ankoraŭ pli bone agas. Iam venos la tago, kiam en Parizo, en Londono, en Berlino, la homo ne plu mortos de difterio, tifa febro, skarlatina febro, ĥolero aŭ tuberkulozo, ne pli ol oni en la urboj nuntempe mortas pro serpento- aŭ hundomordoj.

Kiam post longaj kaj paciencaj studoj la mikroba teorio estis pruvita, oni komprenis, ke la Sud-Amerikaj landoj por ĉiam estos liberigataj je la terura angoro, kiun kaŭzis la komercon paralizanta kvaranteno pro la flava febro; oni komprenis, ke la armeoj estos de nun ŝirmataj kontraŭ malsanoj, kiuj mortigis pli da soldatoj ol la kanonkugloj sur la batalkampo.

Kvankam la komunikebleco de la malsanoj estis konstatita jam de la plej fruaj tempoj, nur en 1860 Pasteur, en sia mizera subtegmenta laboratorio, demonstris la ĉeeston de fermentaĵo, de putriĝo en la plej malgrandaj organismoj. Ĝis tiam, kiel tre bone diras Velpeau, „pinglopiko estis pordo al morto". Preskaŭ ĉiuj kirurgiaj vundoj pusdonas — kion neniu povis klarigi, nek malhelpi; la fakto estis tiel ofte fatala, ke konscienca kirurgo konsilis siajn malsanulojn pripensigi antaŭ ol allasi la plej videble necesan operacion.

Lister, meditante pri la eltrovaĵoj de Pasteur, havis la ideon, ke se la mikroboj povus esti mortigataj aŭ izolataj je la operacia kampo, la mortado kaj la suferado en la kirurgio povus esti malgrandigataj. Tiel en la kirurgiajn operaciojn estis enkondukita la antisepso. Antaŭ ĝi, el tri operaciitoj mortis du; nun, oni citas eĉ ne unu el kvindek. Kun la malnova metodo, la operacion sekvis pusaj vundoj, trismo, gangreno kaj morto, en terura proporcio; nun, dank'al la antisepso, la kirurgo povas entranĉi kian ajn korpoparton; ĝi cikatriĝos preskaŭ ĉiam sen puso.

Unu el la plej frapantaj rezultatoj de tiu transformiĝo en la medicino estas la solvo de la flava febro; el tio sekvis, ke milionojn da spesmiloj gajnis la Sud-Amerika komerco; la multekosta kaj ofte kruela kvaranteno estas eliminita. En Habana (Cuba), kuracisto nomata Carlos Finlay obstine pruvis, ke tiu malsano komunikiĝas al la homo per piko de moskitoj; tio veriĝis dum la Usonanoj okupis Cuba. Tiam, la komitato kontraŭ la flava febro, faris definitivan studon pri tiu malsano; ĝi kontaktigis malsanulojn kaj sanulojn, kiuj estis antaŭe pikitaj de moskitoj. Neniu ricevis la malsanon, krom tiuj, kiuj estis pikitaj de la moskitoj. Tiu heroa provo, je kiu memvoluloj submetiĝis, estis la bazo de nova metodo por la kuracado de la malsano, kiu estis preskaŭ tute malhelpita.

La mikroba teorio permesis al ni starigi du defendsistemojn kontraŭ la malsano, unu ekstere de la korpo, alian interne de ĝi. Nia unua zorgo devas esti la pureco, tiel ke mikroboj ne okupu nian organismon. Ŝajnas, ke la korpo tendencas kuraciĝi je malsano, kreante substancon kontraŭan al la ĝermo. Estis do tute nature, ne sole pliigi tiun substancon kaj per tio akceli la resaniĝon, sed ankaŭ doni artefaritan imunecon al la personoj, kiuj povus pli malfrue esti elmetataj al la malsano. Ni citu ekzemplon: La tifan febron plej ofte kaŭzas akvo aŭ lakto infektitaj de malsanulaj malpuraĵoj. Kontraŭ tio plej racia rimedo estas la pureco rilate al ĉio, kio koncernas la nutradon kaj trinkadon. Tamen, malfacile estas kontroli ĉiujn vojojn al tiu terura infektado. La soldatoj dum milito riskas pli grandajn danĝerojn pro la malpureco ol pro la kugloj. Dum la hispana-usona milito miloj da soldatoj estis malsanaj, centoj mortis; tio okazis antaŭ la eltrovo de l'kontraŭtifa vakcino. Antaŭ unu jaro, en similaj cirkonstancoj (dum militmanovroj en Texas-ŝtato), dank'al la vakcino nur du viroj malsaniĝis, neniu mortis.

Estas nun absolute certe, kiel diris glora Pasteur, ke la homo havas la povon malaperigi ĉiujn parazitajn malsanojn. Tiu profeta vorto estas realigota.

# ❁ NOTOJ ❁

.·. **Kulturaj festoj ĉe armenoj.** La 26 oktobro 1913 finiĝis granda Nacia Festo ĉe armenoj. Armenoj de la tuta mondo festis la 1500-jaran jubileon de sia alfabeto kaj 400-jaran de la armena presarto. Armenan alfabeton elpensis patriarko Mesrop. Maŝtoc. Tio okazis 412 post Kristo, kiam Armenujon regis regnestro Vramŝaputro. La eltrovo de l'alfabeto estis forta instiga rimedo por disvolviĝo de propra kulturo kaj disvastiĝo de kristanismo (kvankam ĝi estis oficiale akceptita de la tiama regnestro Abgar kaj de la popolo jam en 33 post Kristo, sed ĝi ne eniris la „sangon kaj korpon" de la simpla popolo, ĉar ĝis alfabeto, ĉiuj diservoj estis farataj en greka kaj asiria lingvoj.)

Unuan armene presitan libron aperigis je 1513 en Venecio iu armeno Akep (Jakobo), kies biografio restas ne konita kaj kies socia situacio ĝis nun ne estas difinita de la historiistoj. Tiu ĉi unua libro estis kalendaro sub la titolo „Pazzatomar". La saman jaron komencis regule funkcii en Venecio la unua armena presejo. La sekvantaj armenaj pioniroj-presistoj estis Abgar Dpir, lia filo Sultanŝah, Horhannes Terznci, lia filo Ĥaĉatur kaj multaj aliaj. Poste la disvastiĝon de armena presarto multe helpis tiel nomataj „Mĥitaristaj" kongregacioj de armenoj-katolikoj: 1e Sur la insulo de Sankta Lazaro en Venecio (fondita 1717) kaj 2e en Vieno (fondita 1811).

Ambaŭ jubileoj havis tre gravan signifon. Precipe grava estas la eltrovo de propra alfabeto kiel fundamenta ŝtono por brilanta estonteco. Kaj efektive, ni vidas ke post 412 por Armenujo komenciĝis epoko de laboro, viviĝo, sukcesoj, prosperoj, epoko de leviĝo de nacia memkonscio. Vere la historio nomis tiun V-an centjaron „ora epoko, ora centjaro de Armenujo". Ĉar, bedaŭrinde, precizaj datoj (monatoj kaj tagoj) de tiuj du historiaj epizodoj (alfabeto kaj presado) ne estis fiksitaj, do tial Lia Katolikosa[1] Moŝto Georgo Va kompromise destinis festi jubileojn unu tutan jaron t. e. la komencaj festoj estu 26 oktobro 1912 kaj finaj okazu post unu jaro, la 26 oktobro 1913.

Inter multaj aliaj decidoj de Katolikoso ĉefe atentindaj estas tiuj pri starigo de „fondo de monoferoj por armenaj lernejoj" (sumo de tiuj ĉi monoferoj jam superis Sm. 1.500.000), pri perioda eldonado de manuskriptoj, troviĝantaj en Eĝmiadzina biblioteko kaj pri plisimpligo de armena ortografio. — *N. Tupijanc* (Kizlar).

.·. **La radiumkulturo.** — La enigma forto, kiun entenas radiumo, prave estas komparata kun mirakla „eliksiro de la vivo", kiun eltrovi malsukcese penadis la ĥemiistoj de la mezepoko. La plej malgranda molekulo de tiu ĉi elemento, kies eltrovo estas kunigita kun la nomo de pola scienculino S-ino Curie-Sklodowska, semas ĉirkaŭ si, per ĝis nun neesplorita maniero, morton aŭ vivon. La scienco fervore daŭrigas la esplorojn pri tiu ĉi elemento, penante praktike diveni ĝian influon koncerne la fiziologio kaj medicino. Eksterordinare interesaj estas interalie la eksperimentoj faritaj de du aŭstriaj scienculoj: D-ro Mollisch en Wien kaj D-ro Stoklasa en Praha. La unua el ili fortranĉinte dum malfrua aŭtuno jam senfoliajn siringbranĉetojn metis ilin du tagojn apud tubeto, kiu entenis radiumon. Mirinde la burĝonoj kvazaŭ ensorĉigitaj komencis vekiĝi al vivo post letargia dormo, kaj transportitaj al varmejo kreskis, kiel en printempo. Alifoje D-ro Mollisch ne influigis senpere siringbranĉetojn per radiumo, sed fermis ilin hermetike sub kloŝo kaj fordonis tri tagojn al emanajo de tiu ĉi elemento. Kaj tiufoje la siringbranĉetoj burĝonis, kvankam iom pli malfrue.

D-ro Stoklasa faris eksperimentojn per lupeno, pizo kaj hordeo plantinte ilin en florpotoj kaj poste surgutinte per akvo de Joachimstal, kiu posedas treege radiumajn ecojn. Rezultatoj de tia farmaniero estis rimarkindaj: dum rikolto-kolekto la lupeno liveris 105 grajnojn, la pizo 221 ka la hordeo 902.

Analogiaj eksperimentoj per plantoj, kreskantaj en libera aero alportis rezultatojn malpli kuriozajn, tamen ĉiafoje pruvantajn la senekzemplan influon de la radiumo por kreskado de vegetaĵoj. Cetere la esploroj pri la radiumo, kvankam nedubeble interesaj kaj utilaj, renkontas grandan malfacilaĵon, kiun kreas la kareco de tiu ĉi elemento. En la tuta mondo ekzistas ĝis nun en pura stato 12 gramoj da radiumo, kies valoro atingas 6 milionojn da frankoj. Sekve nur riĉaj sciencinstitutoj povas fari eksperimentojn per tiu ĉi mirinda sed ankaŭ multekosta elemento. — Trad. *E. Izdebski* (Del. Nowy Sacz) el *„Glos Varodu"*.

[1] Katolikoso estas ĉefo de armene-grigorana eklezio.

.·. **Interesa Konkurso.** — La „Hamburg-Amerika-Linie" enakvigos, en junio, la trian ŝipegon de la speco „Imperator", kiu estos la plej granda ŝipo de l'mondo. Vere konvena nomo por la ŝipo ne ankoraŭ estas trovita. Tial la „Neue Hamburger Zeitung" (Nova Hamburg'a Gazeto) en Hamburg elskribas grandan konkurson por la plej indaj kaj bonaj proponoj pri la nomo de tiu ĉi giganta ŝipo. Estas donotaj premioj de entute 2000 Mk. (Sm. 1000); la 1a premio estos Mk. 1000, la 2a Mk. 500 kaj pliaj kvin premioj po Mk. 100. La proponoj devas esti sendataj al la „Redaktion der Neuen Hamburger Zeitung, Hamburg (Germanujo)" ĝis la 30a de aprilo 1914. La proponoj devas esti skribataj sur poŝtkartoj, kiuj portas sur la adresflanko lá vortojn „Preisfrage: Das grösste Schiff der Welt" (Konkursdemando: la plej granda ŝipo de l'mondo). La redaktistoj transprenas la kontroladon de la proponoj kaj transdonos la uzeblajn el ili al la direktistaro de la Hamburg-Ameriko-Linio, kiu decidos pri la disdono de la premioj. Ĉiu sendanto rajtas fari nur unu solan proponon. La decido pri la disdono de la premioj estas publikigota per la „Neue Hamburger Zeitung" je la bapto-tago de l'ŝipo.

Ĉu ne farus bonan efikon, se ankaŭ la tutmonda Esperantistaro vigle partoprenus tiun ĉi interesan konkurson? Sed uzu Esperantan poŝtkarton aŭ gluu sur ĝi Esperantan sigelmarkon! — *Okulo.*

.·. **Pri la virina balotrajto en Francujo.** — En la lastaj jaroj tiu demando faris en Francujo sufiĉe atentindajn progresojn. Antaŭ kelkaj monatoj okazis en Paris la jara Internacia Kongreso de la Virinoj, kaj anstataŭ la mokoj, kiujn timis la organizintoj kaj kiujn certe ili estus ricevintaj antaŭ tri aŭ kvar jaroj, ĝeneralan intereson vekis tiu manifestacio, kaj en la gazetaro montriĝis unuanime simpatio. Ŝajnas, sekve, ke la publika opinio pli facile akceptas kelkajn el la postuloj de la virinoj. Speciale rimarkindaj, laŭ tiu vidpunkto estas la deziresprimoj akceptitaj antaŭ nelonge de francaj politikaj aŭ administraciaj aŭtoritatoj. La Franca Unio kaj la Ligo de voĉdonantoj por la virina balotrajto prezentis petskribojn al la Urba Konsilantaro de dep. Seine por la virina voĉdono pri ĉiuj urbaj aferoj. Ilin akceptis, en siaj kunsidoj de la 9 junio kaj 2 julio, ambaŭ aŭtoritatoj. Samajn deziresprimojn akceptis 8 ĝeneralaj, 3 „arondismentaj" kaj 23 urbaj konsilantaroj.

Nun, la demando iros antaŭ la Parlamento. En 1906, S-ro Dussaussoy, deputato, prezentis leĝproponon pri la urba balotrajto de la virinoj; tuj poste mortis S-ro Dussaussoy, sed S-ro Buisson prezentis novan raporton, kaj la komisiono por la universala voĉdonado akceptis la principon. Por ke la raporto estu diskutata de la Deputataro, estis necese, ke 20 deputatoj tion petu: 200 enskribiĝis! En 1912 nova komisiono reakceptis la proponon Buisson, kaj tiu raporto estis disdonita al ĉiuj francaj deputatoj, kiuj baldaŭ devos ĝin diskuti.

Notinde estas, ke la grava gazeto *Le Journal*, okaze de la baldaŭa baloto por la Deputataro, aranĝos tra tuta Francujo „provon" de balotado, ĉe kiu partoprenos la virinoj. Tiu eksperimento celas montri, kiom da virinoj uzus la voĉdonrajton kaj kia estus ilia influo je la respektiva forto de la diversaj politikaj partioj. — *M. G.*

## Al niaj Abonantoj

**Ni petas, ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj de nia administracio pri finiĝo de sia abono, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ek pedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**En la landoj, kie tio estas ebla, ni enkasigas la reabonojn per poŝtrepagoj. En Rusujo, S-ro SZABUNIEVICZ, Del., Moskvo, estas rajtigita de ni por sendi tiujn poŝtrepagojn.**

# ESPERANTISMO



## Bileto de blankbarbulo

*Filozofiaj pripensoj dum fervoja nokto.*

*Ofte ni ĉiuj parolas pri proksima triumfo de Esperanto, pri gloro, kiu rekompencos la nunajn batalantojn.*

*Ĉu mi kuraĝos konfesi, ke nek la vorto triumfo, nek la vorto gloro tro plaĉas al mi, kaj ke tute sufiĉus al mia esperantista ambicio la simpla venko de nia kara lingvo, eĉ ne „en gloro“, se nur tiu venko estos plena, vera, definitiva.*

*Kaj mi tre miras, se ne tia estas ankaŭ la sento de D-ro Zamenhof, al kiu certe neniu riproĉos, ke li iam serĉis personan triumfon, personan gloron.*

*Veran danĝeron kunportas kun si la aspiro al triumfo, la aspiro al gloro.*

*Kio estas triumfo?*

*Triumfo estas venko, sed venko pli ĝojante pri la subpremado de l' kontraŭulo, ol pri la sukceso mem de l'afero; venko kvazaŭ malpligrandigita per eksplodo de glorema vanteco ĉe la venkanto; venko de l'individuoj, pli ol venko de ideoj, principoj, programo; venko, jes, sed senigita de ĉiu vera nobleco, de ĉiu grandanimeco; venko, kiu postlasas ĉe la venkito akran doloron kaj ardan sopiron al venĝo kaj ripara batalo.*

*Justa, plenrajta estas la deziro al venko; malestiminda, pereiga la aspiro al triumfo.*

*La venkon ni volu por Esperanto, kaj tio sufiĉas.*

*Kio estas gloro?*

*Gloro estas influo, potenco kun ia speciala ŝajno, ia speciala brilo, kiuj altiras la ĝeneralan atenton, la ĝeneralan admiron. Per si mem ĝi ne estas malbono, kondiĉe ke oni nenion faru kun la celo ĝin atingi, ĉar tiam fatale la ŝajno, la brilo mem fariĝas la ĉefa afero. La gloremulo, konstante priokupita subfosi la bonan famon, la influon, la potencon de tiuj, kiujn li opinias danĝeraj por sia propra ekskluziva gloro, pli laboras fine por ilia humiligo, ol por la efektivigo de nobla idealo: la komuna „anonima“ venko ne plu sufiĉas al lia ambicio, kiu aspiras per tutaj fortoj al persona triumfo.*

*Ne malaprobinda estas la deziro al ia influo, al ia potenco, sed kondamninda la aspiro al tiu ĉi vantaĵo, kiu estas la homa gloro.*

*Influon, potencon ni volu por Esperanto, kaj tio sufiĉas.*

*Nia ĝojo estu la sukceso de nia afero, ne la malsukceso de niaj eĉ malamikaj konkurantoj, la efektiviĝo de nia idealo, ne la pereo de aliaj klopodoj.*

*Ni amu por, ne kontraŭ.*

*Ni agu por, ne kontraŭ.*

*Ni ne serĉu vivon nian en la morto de aliaj.*

*Nek vundantan triumfon, nek vundantan gloron ni bezonas, por fari servojn al homaro kaj por venki.*

*Kaj se tio ĉi estas Don Kiĥotismo, ni estu fieraj pri ĝi, ĉar tie kuŝos nia forto.* Th. Cart.



## KRONIKO

Ni rememorigas, ke por la redakto de tiu rubriko ni bezonas la kunlaboradon de ĉiuj legantoj, speciale de ĉiuj Delegitoj de UEA. Ni plezure enpresos ĉiujn *freŝajn* informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp. Oni bonvolu skribi koncize kaj tre legeble. Por esti enpresataj en la plej proksima N-ro, ĉiuj komunikaĵoj devas esti ricevataj de ni *antaŭ la 10ª kaj 25ª de ĉiu monato. Pri malnovaj faktoj ni ne raportas.* *La redakcio.*

### Aŭstrio-Hungario.

*Ĉ. Budějovice:* La ĝenerala kunveno de la Esp. Klubo okazis la 10 marto; oni elektis S-ron P-ro D-ro Rosicky, prezidanto de Unio Bohema Esp., kiel honoran membron. — *Kronenburg:* La 16 marto fondiĝis nova klubo. Kiel prezidanto estas elektita S-ro Steiner. Kurso kun 18 anoj estas malfermita. — *Praha:* La 24 marto komenciĝis kurso por instruistinoj en knabina lernejo; instruas F-ino J. Supichová. — *Rovereto:* La 25 marto okazis amika kunveno de la samideanoj de Trento kaj Rovereto. La kunveno estis sufiĉe bone vizitita, kaj oni pritraktis multajn interesajn propagandajn taskojn. — *Trieste:* Antaŭ mallonge malfermiĝis jam anoncitaj tri kursoj gvidataj de la instruantoj de la Itala Katedro de Esp. S-roj P-ro D-ro A. Ghez, F. Chierego kaj D. Randi en la urbaj lernejoj. Entute partoprenas 114 personoj.

### Belgujo.

*Bruges:* La 14 marto la loka grupo malfermis du novajn kursojn.

### Britujo.

*Bradford:* La 4 aprilo S-ro J. T. Holmes faris lumbildparoladon antaŭ la anoj de „Hebden Bridge'a Scienca kaj Literatura Societo“ pri: La Internaciismo ilustrata. 40 ĉeestantoj. — *Cardiff:* S-ro Thomas, Del., gvidas kurson; kurso por blinduloj estas gvidata de S-ro Emms. — *Birkenhead:* La lasta festeno de la vintra sezono okazis la 5 marto kaj estis bone vizitita. — *Bristol:* Oni decidis aranĝi dum la somero subĉielajn propagandajn kunvenojn. — *Chorley:* La ĉiujara festeno okazis la 4 marto kaj bone sukcesis. — *Edinburgh:* La 18 februaro S-ro J. Ford prezentis al la grupo interesan rakonton pri sia vizito al Heidelberg. — *Londono:* En la fino de marto la oficejoj de la B. E. A. kaj UEA translokiĝis al 17, Hart Street, Londono W. C., kie oni nun havas teretaĝan oficejaron kaj pli multe da reklamo. Vizitantoj estas ĉiam bonvenaj. Post Pentekosto okazos ĉe bone konata urba vesperlernejo, speciala klaso por la instruado de Esperanta Stenografio; instruos S-ro M. C. Butler, fama pro siaj harpludoj. Ĉe la Svisa Instituto je 21 februaro kolonelo Pollen faris tre interesan paroladon pri Esperanto. Granda festeno okazis ĉe la Brixton Klubo je 10 marto. Grava propaganda kunveno okazis en la Surrey Masonic Hall, Camberwell, S. E., organizita de la Emmanuel Klubo. Pli ol 350 personoj ĉeestis, plej multe ne-Esperantistoj. Nova societo fondiĝis en Finchley, Norda Londono, 29 aliĝis. Nova klaso por Knaboskoltoj fondiĝis en Streatham, S. E. La knaboj montras grandan entuziasmon. Ĉe la Londona Klubo je vendredo, 3 aprilo, S-ro Epstein, Ĉefdelegito por Londono, faris lumbildan paroladon pri Nova Zelando kaj pri siaj spertoj en tiu lando. En Greenwich, S. E., S-ro E. K. Jayne, Del. de UEA, faris lumbildan paroladon pri la Naŭa Kongreso. Ankaŭ same en Wolwich, S. E. — *Merthyr Tydfil:* S-ro Lewis Evans gvidas tri kursojn; du novaj kursoj komenciĝis gvidataj de S-ro pastro D. B. Jones. La 3 aprilo S-ro H. B. Mudie faris propagandan paroladon ĉe la Instruista Asocio, antaŭ 60 personoj, kaj la 4 aprilo antaŭ la Sud-Kimruja Ligo Esp. pri la vortfarado. Ankaŭ S-ro W. E. Davies, Del., donis modelan lecionon en Esp. Prezidis S-ro pastro W. H. Harris. — *Southport:* Karnevala balo okazis la 2 marto kaj bone sukcesis. — *Swansea:* S-ro A. H. Jones, Del., gvidas kurson kun 10 anoj. — *Warrington:* Okazis tre sukcesa propaganda kunveno; ĉeestis pli ol 100 personoj.

## Bulgarujo.

*Razgrad:* La 2 marto S-ro D. Malčev el Rustčuk faris paroladon en la vira gimnazio pri Esperanto kaj UEA.

## Finnlando.

*Helsingfors:* Sekve de sukcesa ekspozicio, komencis kurso en la Universitata aŭditorio; 25 lernantoj; kursgvidanto estas S-ro Harald Monsen. La kurso por blinduloj kalkulas 24 lernantojn.

## Francujo.

*Beauvais:* Dank' al la propagando de S-roj Demarcy kaj Hochard fondiĝis Esp. grupo de poŝtoficistoj. — *Toulouse:* La kurso en la Laborborso estas denove malfermita sub gvidado de S-ro Conques.

## Germanujo.

*Augsburg:* La 15 februaro la grupo aranĝis en la stacidoma restoracio de Aystetten karnevalan feston. — *Bamberg:* La 5 marto S-ro Reber faris paroladon pri la rusa lingvo kaj Esperanto. — *Berlin:* La 19 marto S-ro Wengler, Del., faris paroladon pri UEA, kaj S-ro Heyde amuze raportis pri sia vojaĝo tra la mondo. — *Braunschweig:* La grupo la 8 marto festis kun bona sukceso sian 10-an fondiĝfeston. La salutparolado estis farita de S-ro Reinking. Kantoj, deklamoj, artplenaj muzikaj prezentaĵoj, rondodanco kaj teatraĵo finis la feston. — *Dresden:* La monata kunveno de la gruparo okazis la 10 marto en la Esp.-Hejmo. Oni detale priparolis diversajn proponojn direktotajn al la 9a Germana Esp. Kongreso. La prezidanto donis diversajn informojn pri la specialvagonaro al la Pariza Kongreso. — *Mülhausen:* La grupo festis la 23 februaro sian trian fondiĝfeston kun bona sukceso. — *München:* S-ro D-ro Proelss faris paroladon en la loka grupo de la unuiĝo „Der Vortrupp" pri Esp. kaj naciismo. S-ro Tressel, Del., faris propagandan paroladon en la Gabelsberger'a Stenografia Unuiĝo Bogenhausen. — *Nürnberg:* La privata komerclernejo de D-ro Sabel enkondukis Esp. en sian instruplanon. — *Posen:* Kurso estas gvidata de S-ro St. Jagielski.

## Hispanujo.

*Valencia:* Nova grupo fondiĝis. — *San Sebastian:* Ĉiutaga kurso okazas. La lokaj gazetoj enhavas ofte favorajn artikolojn.

## Italujo.

*Bologna:* S-ro P-ro O. Nanni faris sukcesan paroladon antaŭ 50 personoj en instituto Guinicelli. — *Este:* S-ro Schiavo Ivone gvidas kurson ĉe la popola universitato. — *Milano:* Nova kurso gvidata de S-ro Schacht. — *Venezia:* Komencis ĉiudimanĉa kurso gvidata de S-ro Bruno Migliorini. — *Verona:* Oni malfermis kurson por pastroj, en kiu partoprenas 12. Instruanto S-ro Reni.

## Nederlando.

*Amsterdam:* Kurso kun 9 anoj gvidata de F-ino Schmidt. — *Arnshem:* Kurso estas malfermita de la holanda loĝio de la neŭtralaj Bontemplanoj. — *Utrecht:* Kurso kun 7 anoj gvidata de S-ino M. van Rees. — *Zwolle:* Malfermiĝis kurso kun 15 anoj sub gvidado de S-ro B. Yverdraat.

## Rusujo.

*Aleksandrovsk:* La 15 marto la loka grupo aranĝis malgrandan vesperfeston, kiu tre bone sukcesis kaj kie ĉeestis 30 personoj. — *Astraĥan:* La societo elektis novan komitaton. Kurso por la societanoj baldaŭ malfermiĝos sub gvidado de S-ro Sariŝev. De nun ĉiusabate okazos babilvespero. La lasta okazis la 28 marto; S-ro N. Vrazovskij, Del., klarigis la celon de la babilvesperoj, S-ro S. Sariŝev legis pri la Esp. movado; krom tio deklamoj kaj diversaj legaĵoj. — *Ĥarkov:* Estis aranĝita familia amuzvespero, kiun ĉeestis pli ol 160 personoj. S-ro Antipov paroladis pri Esperanto; sekvis muziko, kantado kaj deklamoj. Du novaj kursoj sub gvidado de S-roj Gutmann kaj Ĥolevinskij malfermiĝis. — *Kiev:* La vesperfesto estis vizitita de pli ol 70 personoj. Post parolado de S-ro G. Jajgunoviĉ pri Esperanto kaj nuntempo oni prezentis diversajn kantojn, deklamojn kaj muzikaĵojn. Du novaj kursoj malfermiĝis. — *Kovno:* S-ro A. M. Nedoŝivin paroladis pri ĉefbatalantoj de Esperantujo kaj Esp. literaturo; 17 membroj de K. E. S. enskribiĝis al UEA. — *Moskvo:* Okazis tre vigla diskutvespero pri: Kiel propagandi Esp. en Rusujo. Oni decidis fondi propagandan sekcion; la 7 marto S-ro Ivanov raportis pri la unuaj paŝoj de tiu sekcio. Senpaga kurso estas malfermita. La 17 februaro fondiĝis la Rondeto de Esp. studentinoj. — *Peterburg:* Esp. grupo de Teknologia Instituto organizis karnevalan feston, kiun ĉeestis ĉirkaŭ 500 personoj. Krom dancado oni ĝuis diversajn deklamojn, koncerton ktp.

## Svisujo.

*Bern:* En sia ĝenerala kunveno la Esp. Societo elektis novan komitaton: M. Burghold, prezidanto; F-ino J. Notz, sekretariino; Bolliger, kasisto. La ĝisnuna prezidanto J. Schmid estas elektita honora membro. La Svisa Esp. Societo organizis gazetaran servon; ĝi starigis reprezentantaron, kiu ĉiumonate ricevas mallongajn notojn por transdoni al la lokaj gazetoj.

## Afriko.

*Alexandrie:* La 15 marto dum la solena jara kunveno de la Intelekta Unio S-ro M. Gorodisskij faris tre sukcesan paroladon pri Esperanto kaj UEA. Poste F-ino R. Aŝer prezentis Esp. deklamon.

## Nord-Ameriko.

*Philadelphia:* Okazas kvar kursoj gvidataj de S-roj A. Arnold, Klein kaj F-ino Stöppler. Entute 85 anoj.

## Sud-Ameriko.

*Bahia Blanca:* S-ro Delfi Dalmau komencis novan kurson. — *Campos* (Brazil.): S-ro Toledo de Loyala pretigas ekspozicion, kiu trairos Brazilujon por propaganda celo. — *Rosario de Santa Fe:* Dum la lasta tempo Esperanto multe progresis dank'al la fervoraj klopodoj de S-ro Santiago Gemis. Li faris paroladojn, kursojn kaj gazetartikolojn; lin helpis efike S-roj M. Casas, F. Llusá, J. Canche kaj aliaj. La 15 februaro okazis grava festo por inaŭguri la Esp. Klubon en Argentino, kies sidejo troviĝas en Rosario de Santa Fe. Kiel prezidanto estas elektita S-ro S. Gemis. Elokventajn paroladojn faris S-roj Gemis, Aprile, Orriels kaj Suárez.

## Azio.

*Pekin:* La 19 marto okazis propaganda parolado de S-ro Ph. de Vargas.

# ESPERANTO-KONGRESOJ

### Kvara Kongreso de Italaj Esperantistoj

Tiu Kongreso okazos de la 24-27 oktobro en *Bologna*. La Kongresa Komitato faras kaj faros ĉion eblan por ke la Kongreso estu por ĉiuj agrabla laŭ ĉiu vidpunkto. Ĝia prezidanto, S-ro A. Palmeggiani havigos monhelpojn de publikaj institucioj, sed tamen estas necese, ke multaj Esperantistoj, ĉu italaj, ĉu alilandaj, aliĝu. La kotizaĵo estas 3 Sm. Oni sin turnu al la Sekretario de l' Organiza Komitato, S-ro Otello Nanni, R. Scuola per Ingegneri, Bologna.



# DEKA KONGRESO DE ESPERANTO

**Parizo, 2-10 aŭgusto 1914**

.·. **Listo de la kongresanoj.** — Kiel aldono al la *Kongresa Gazeto* aperis la unua listo de la kongresanoj (ĝis Nº 894). Je la fino de marto la nombro de la kongresanoj atingis *1634*.

.·. **Gazetaro.** — La Komisiono por la Gazetaro, prizorganta ĉiujn demandojn rilatajn al la klopodoj farotaj ĉe la ĵurnalaro, konsistas el S-roj E. Archdeacon, prez.; M. Génermont, ĝenerala sekr.; F. Duviard (Esperantista gazetaro); René-Ch. Pichon (kngresgazeto); A. Agache kaj R. di Rienzi. Ĝi elektis 30 lokajn korespondantojn en provinco; ĉiu en sia regiono helpas la Komitaton por la agado ĉe la gazetistoj, la publikigado de artikoloj, ktp. Personaj leteroj estis sendataj al la direktoroj de la plej gravaj ĵurnaloj kaj revuoj de Franclando por atentigi ilin pri la venonta Kongreso. Multaj respondis, promesante kunlaboradon kaj sendadon de speciala redaktoro al la Kongreso. Speciala akcepto por ĵurnalistoj estos preparita ĉe gravaj parizaj redaktejoj.

.·. **Piedaj promenadoj.** — Oni starigis 10 malsamajn vojojn po 3—6 kilometroj kaj 1—2 horoj, kiuj ebligos, ke oni estos vidinta ĉion gravan en Paris. La rendevuejo kaj horo estos publikigitaj. Ni jam de nun atentigas la kongresanojn, ke oni kunigis ĉe la sama dato la vizitojn de tiuj muzeoj, kiuj estas malfermitaj nur dum kelkaj tagoj en la semajno. Alirante ilin ĉe aliaj tagoj, ol tiuj fiksitaj de la organizantoj, oni riskos skui ne malfermotan enirpordon. . . .

.·. **Teatro.** — S-ro P-ro D-ro Ch. Richet, membro de Scienca kaj Medicina Akademio, kiu ĉi tiun jaron ricevis la Nobelpremion, verkis altspiritan filozofian tragedion, la *Morto de Sokrato*. Li bonvolis speciale permesi, ke oni ludu ties kvaran akton ĉe la Deka Kongreso. Do, krom *Georgo Dandin* la programo de la teatraj festoj enhavos la 4-an akton de la *Morto de Sokrato*, kies ĉefrolo estos ludata en Esperanto de la sama aktoro, kiu ludis ĝin ĉe la unua prezentado.

.·. **Hoteloj.** — La aranĝoj estas definitive faritaj kun la firmoj Cook por Britujo kaj Junot por ĉiuj aliaj landoj. Kompreneble la kongresanoj estas tute liberaj ne uzi la servojn de tiuj firmoj kaj aranĝi mem la restadon en Parizo. Koncerne la firmon Junot, jen kelkaj el la aranĝoj:

Oni ne promesas aranĝi la gastigon de kongresano, kies loĝpeto alvenos post la 15 julio — ĉiuj kongresanaj hoteloj estos vizititaj kaj kontrolitaj de la Komitato — ili dividiĝos en sep klasojn; jen *specimeno* de la prezoj: Kl. A, ĉambroj po 1 unupersona lito, fr. 6, po 1 dupersona lito, fr. 10; frumanĝo, fr. 1. 50; C, respektive fr. 4, 6. 50 kaj 1. 25; E, fr. 3, 5 kaj 1; G, fr. 2, 3. 50 kaj 0. 75. La mono estas sendota al la Komitato; la kongresano ekscios, ok tagojn post la ricevo de lia mendo, la lin gastigontan hotelon.

Ni publikigis la suprajn informojn nur por informi la kongresanojn pri la hotelaranĝoj kaj ebligi ke, per la supraj tre malaltaj tarifoj, ili ekpripensu la demandon. Ĉiu kongresano ricevos en la oportuna tempo specialan mendilon, kiun li plenigos laŭ sia deziro al lukso aŭ spartaneco. Antaŭ la ricevo de tiuj mendiloj oni direktu nek al firmo Junot, nek al tiu Komitato ian ajn mendon, ĉar *tiuj mendoj estus malatentataj eĉ se ilin akompanus mono.*

.·. **Aliĝoj.** — *Ni rememorigas, ke la personoj, kiuj aliĝos la Kongreson post la unua junio, pagos fr. 25 anstataŭ 15, kaj 20 anstataŭ 10.*



# DIVERSAĴOJ

.·. **Peresperanta paroladvojaĝo pri Finnlando.** — Jam kelkaj rimarkindaj Esperantistoj penis montri la praktikan valoron, kiun Esperanto nuntempe povas havi por la turismo. S-ro Parrish faris longan paroladvojaĝon tra tuta Eŭropo, rakontante kaj montrante la belaĵojn de la malproksima Kalifornio, P-ro Pitlik sammaniere propagandis por sia patrolando ktp.

Ekzistas unu lando, ne tiel malproksima al centra Eŭropo, kiel Kalifornio, sed tamen sufiĉe malproksima por tie esti preskaŭ nekonata, lando, kies unika naturo, persistema popolo, juna civilizacio dum lastaj tempoj komencis altiri ĝeneralan intereson. Ni parolas pri Finnlando, tiu „lando de lagmiloj", pri kiu nespertuloj imagas, ke ĝi estas restadejo de blankaj ursoj, loĝata de duonsovaĝa popolo, kiu vivas sole per tenado de nordaj cervoj, pro sia severa klimato neloĝebla de civilizita popolo. Lando, el kiu tamen komencis veni famoj — nekredeblaj — tute ne konformaj al la antaŭa imago. Oni aŭdis pri kelkaj homoj, kiuj — laŭ sia opinio — iris ĝis tie, kaj tamen ne mortis pro frosto. Kaj tiuj homoj jam ion rakontis pri la beleco de la „malproksima" lando, ili uzadis la nomadon „lando de lagmiloj", ili ion rakontis pri senfinaj arbaroj, pri virinoj sidantaj en la parlamento . . . sed nenian unuecan bildon oni ricevis per iliaj rakontoj se oni eĉ kuraĝis kredi ilin.

La Esperantistoj, kiuj certe estas specialistoj en geografio, ja ne estas nesciantaj pri la ekzisto de tia lando, nomata Finnlando. Multaj el ili ja mem posedas kolektojn de finnaj vidaĵoj, per korespondado aŭdis tion kaj tion pri Finnlando, sed — ĉu ni eraras? — tio nur vekis ilian scivolon kaj intereson, restigante la deziron ankoraŭ plion aŭdi.

Ni havas la ĝojon anonci, ke la Turisma societo de Finnlando jam rimarkis la grandan utilon, kiun nia lingvo povas alporti al ĝi, kaj decidis, imitante la cititajn pionirojn, iniciati eŭropan paroladvojaĝon pri Finnlando. Tiun vojaĝon plenumos S-ro studento Vilho Setälä, sekretario de Finna Esperanta-Asocio kaj delegito de UEA por paroli pri Finnlando antaŭ Esperantista publiko. La vojaĝo de S-ro Setälä estas tiel planita, ke li ekveturos en julio al Anglolando kaj daŭrigos sian vojon de tie tra Belgolando al Franclando, kie li partoprenos la Dekan. Poste li sin direktos al suda Germanlando, Saksujo, Prusujo kaj Danlando, de kie li revenos per vaporŝipo. Eble li ankaŭ vizitos Bohemujon.

S-ro Setälä kunportos grandan nombron da lumbildoj, per kies helpo li parolos pri la finna naturo kaj finnaj popolmoroj. Li parolos nature nur en Esperanto, se bezone, iu Esperantisto tradukos la enhavon al la publiko. La ĉambregon kaj la lumbildan aparaton (por bildoj 8×8 cm) la delegito aŭ la grupo devos havigi por lia senpaga dispono; la reklamon ili ankaŭ devos prizorgi, sed al li mem oni nenion bezonos pagi, kaŭze de la sufiĉa subvencio ricevita de la Turisma societo.

La kondiĉoj proponataj do estas ekstreme favoraj, kaj konsiderante la propagandan signifon, kiun tia parolado ĉiam havas ili nenion devus timigi de la aranĝo.

La nombro de la paroladoj estas limigita. Esperinde estas, ke multaj lokoj en la koncernaj landoj deziros profiti tiun favoran okazon.

.·. **Esperanto kaj turismo.** — La mondkonata vojaĝagentejo *Thos. Cook & Son* (Esperantia Entrepreno), kiu jam de longe montras sian intereson al nia afero, ĵus publikigis sub la titolo „Vojaĝoj por Esperantistoj" Esperantan ilustritan gvidlibreton pri siaj diversaj aranĝoj por ĉiuspecaj vojaĝoj. Tiu prospekto estas ricevebla de Thos Cook & Son, Ludgate Circus, London.

— Dank'al la klopodoj de S-ro F. Mayerhauser, Del. de UEA, la Kurverein de *Bad-Reichenhall* (Bavaraj Alpoj) eldonis unuafoje 1000 Esperantajn prospektojn kolor-ilustritajn, por kio ni danku ĝin. Por ke la Kurverein daŭru de nun ĉiujare eldoni saman aŭ pli grandan nombron da tiaj prospektoj, oni bonvole petu la senpagan sendon de la nomita prospekto, skribante al: Kurverein Bad-Reichenhall (Bavarujo).

.˙. **Esperanto kaj polico.** — Oni scias, ke jam en kelkaj urboj, kiel Paris, Dresden, Edinburgh, Esperanto sukcese enkondukiĝis en la policajn rondojn. Ĝis nun oni nur malmulte aŭdis pri la policistoj en Graz, kiuj lernis nian lingvon; oni esperas, ke la nombro baldaŭ pligrandiĝos dank' al la progresemo de la policdirektoro urba konsilisto D-ro Mallitsch. Jam en 1907 unu policisto en Graz lernis Esperanton kaj ankaŭ aliĝis al la St. E. S. En la lasta tempo kreskis la intereso kaj kelkaj policistoj vizitis Esp. kurson, kaj sep el ili ankaŭ aliĝis al la St. E. S. Tiuj estas: 1 oficisto kaj 1 policagento de la ŝtata policdirekcio en Graz, 4 detektivoj kaj 1 policisto (gardisto) de la urba (komunuma) policistaro. La policdirektoro S-ro D-ro Mallitsch jam promesis ĉambron por Esp. kurso en la policejo. Interne de la Stiria Esperantista Societo la Graz-aj Esp. policistoj nun formas rondeton, kies adreso estas: Esperantista Polica Rondeto en Graz, Amtshaus, Detektivbureau.

.˙. **Esperanto en interslava korespondado.** — En jus aperinta *Adresaro de la Slava Junularo* (Peterburgo) estas rimarkinda la proporcio en la uzataj fremdaj lingvoj: Esperanto 50 %, rusa 30 %, germana 15 %, franca 4 %, angla 1 %. El tio estas klare, ke la rusa lingvo inter slavoj estas malpli lernataj ol Esperanto.

## TRA LA GAZETARO

.˙. *Amerika Esperantisto* (marto). Esperanto kiel instruilo. (Edmond Privat):

„Estas nedubeble, ke lingvo valoras grandparte tiom, kiom valoras la pensoj de l'grupo da homoj, kiuj ĝin parolas. Same estas por Esperanto. Multfoje mi jam ripetis ĉi tie kaj aliloke, ke la valoro de nia lingvo por la mondo ĉefe dependas de tio, kion ni metas en ĝin, de tio, kion ni alportas per ĝi. Por eviti la konkurencon de granda nacia lingvo kiel internacia komunikilo, ne sufiĉas, ke ni montru neŭtralan kaj tre simpligitan lingvon; necese estas, ke ni povu montri sumon de profitoj tuj akireblaj per ĝi, same kiel per nacia lingvo. Tiuj profitoj devas esti same diversaj. Estas rekte monaj profitoj, estas moralaj kaj intelektaj profitoj, estas sociaj profitoj.

Kial ekzemple Ĥinon aŭ Japanon allogas la angla aŭ la franca lingvo pli ol Esperanto tamen multe pli simpla kaj logika? Ĉar tiu Ĥino aŭ tiu Japano ja scias, ke studante la anglan aŭ la francan lingvon li povos jam vojaĝi en kelkaj gravaj landoj, legi multajn el la plej gravaj verkistoj kaj konatiĝi kun vasta parto de l'okcidenta kulturo. Nu ni ja rajtas montri al tiu Ĥino aŭ al tiu Japano, ke per Esperanto li povas vojaĝi multe pli malproksimen, fakte tra la tuta mondo jam nun, kaj ke, eĉ restante hejme, li povas komuniki kun ĉiulandaj homoj per korespondado kaj akiri iom de l'tutmonda kulturo legante la Esperantan literaturon. Nu tiun „iom" ni devus ĉiam plivastigi kaj pliprofundigi por doni pli da „pezo" al nia lingvo. Tio, kion UEA sukcesis fari sur la materia, praktika kampo, devus nun esti same orde farata ankaŭ sur la mondkampo de la penso. Estas plej dezirinde, ke tre baldaŭ Ĥino aŭ Japano povu en Esperanta literaturo trovi la ĉefajn elementojn de nia okcidenta instruado kaj ke ni, okcidentuloj, povu ankaŭ trovi la esencon de ilia orienta pensa trezoro. Tiam ni povos pli efike kunlabori al moderna esprimado de ankoraŭ pli ĝenerala, tutmonda homa kulturo, por kiu nia lingvo estas jam nature antaŭdestinita.

Se ni havas ankoraŭ multe por fari por plenigi la mankojn en tiu fako, tio ne signifas, ke absolute nenion jam pretan ni havas. La ĉefa kaŭzo, kial ni ne plenigas tiujn mankojn tiel facile kiel dezirinde, estas ĝuste, ke tion, kion ni ja havas, ni nek sufiĉe konas, nek sufiĉe profitas.

Jam multon faris Esperantaj eldonistoj kaj gazetistoj, por tiu celo, sed nur tre malmulton ni faris por ilin subteni. Kiam mi predikas: uzu nian lingvon! oni kelkfoje respondas al mi: „Kiel mi povus ĝin uzi? Mi nek vojaĝas, nek korespondas alilande." Nu, se nek via korpo, nek viaj vortoj transiras la limojn de via lando, mi esperas almenaŭ, ke via penso sin ofte liberigas de tiuj limoj. Legu, multe pli legu tion, kio aperas en Esperanto. Instruu vin mem per nia lingvo, profitu la mirindan okazon konstante aŭdi la voĉojn de ĉiulandaj homoj, kiuj vin informas pri siaj cirkonstancoj, siaj lokoj, siaj naciaj aferoj aŭ esperoj. Almetu la mirindan Esperantan poŝhorloĝon al via orelo, per kvazaŭ infana gesto, kaj aŭskultu la tiktakon de l'mondo marŝanta. . . ."

.˙. Favoraj artikoloj aperis en: *Tagespost*, Graz (24 marto); *Linzer Tagespost* (24 februaro); *Grazer Tageblatt* (18 marto); *Pester Lloyd*, Budapest (19 marto); *Innsbrucker Nachrichten*, *Polizeizeitung*, *Ostschlesische Deutsche Zeitung*, *Gummersbacher Zeitung* (9 kaj 25 februaro); *Königsberger Hartungsche Zeitung* (22 marto); *Helsingin Sanomat* (n-ro 78); *Greifswalder Zeitung* (7 marto); *Le Bien Public*, Dijon (5 februaro); *Le Petit Parisien* (9 marto); *Le Jeune-Turc*, Konstantinoplo (21 februaro); *Dziennika Poznanskiego* (10 marto); *Hlas Naroda*, Praha (8 marto); *Grütlianer*, Zürich (esp. rubriko).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

*La kotizajoj por 1914 estas pageblaj al la Delegitoj, aŭ, se ne estas, al la C. O. de UEA.*

*Ordinara membro:* Fr. 2. 50 (Sm. 1).
*Subtenanta membro:* Fr. 5 (Sm. 2).
*Interŝanĝa aŭ Studenta Fako:* Fr. 1. 25 (Sm. 0. 50).
*Esperantia Entrepreno:* Fr. 12. 50 (Sm. 5).
*Id.* (Esperantista organizaĵo): Fr. 7. 50 (Sm. 3).

*Ĉiu membro paginta la kotizajon por 1914 ricevos de la C. O. de UEA la membrokarton kaj la Jarlibron.*

### Garantia kapitalo.

| Listo de garantiantoj | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 22.750 |
| 115. H. Andernach, Soest i. W. | 125 |
| Frankoj | 22.875 |

Entute (ĝis la 31 marto) 115 Garantiantoj mendintaj 183 atestojn, valoro 22.875 frankoj (9150 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto.*

### Interkonsento kun la naciaj Esperantistaj societoj.

La *Hungarlanda Esperanta Societo* (reprezentanto S-ro D-ro Takács Jozsef) subskribis la interkonsenton kun UEA. La reprezentanto de la *Nederlanda Federacio Esperantista* estos S-ro H. C. Mees, anstataŭ S-ro Vermaas.

**Etato de la Esperantianoj.** — Je la 31 marto estas enkasigitaj de la Centra Kaso de UEA 5632 kotizajoj (el kiuj 118 subtenantoj kaj 136 dumvivaj membroj).

*Fakaj membroj.* — Interŝanĝa Fako: 422; Studenta Fako: 32.

**Statistiko.** — Movado de la korespondaĵoj en la C. O. de UEA dum marto 1914:

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1459 | 1482 | 284 |

Tuta sumo: 3225. Antaŭa monato: 2770. Antaŭa jaro (sama monato): 3868.

**Financoj.**

*Konteltiro de UEA por la monato marto 1914:*

| Enspezoj | Fr. | Elspezoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 1595. 93 | Oficejo | 132. 95 |
| Subtenantoj | 45. 30 | Salajroj | 485. — |
| Entreprenoj | 208. 80 | Korespondado | 72. 40 |
| Jarlibro | 100. 60 | Presaĵoj | 380. — |
| Pagitaj Servoj | 73. — | Jarlibro | 299. — |
| Adm. Enspezoj | 9. 55 | Ofic. Organo | 56. 75 |
| | | Adm. Elspezoj | 34. 79 |
| | 2033. 18 | | 1460. 89 |
| | | Saldo | 572. 29 |
| | 2033. 18 | | 2033. 18 |

**Novaj Delegitoj.**

*Apolda* (Germanujo, Turingio). — D.: Max Wolter, komercisto, Bahnhofstr. 59.
*Arbon* (Svisujo). — D.: Otto Schmid, St. Gallerstr. 770.
*Balaŝov* (Rusujo, Saratov. gub.). — D.: Petro Vostokov, studento.
*Batak* (Bulgarujo, Peŝtersko). — VD.: Alekso Popov.
*Enschede* (Nederlando, Overijsel). — D.: Gerrit Paulus de Bruin, laboristo, Alleeweg 9.
*Pskov* (Rusujo). — VD.: K. Kalinin, Panova sloboda, d. Rozova.
*Razgrad* (Bulgarujo). — D.: Ivan Nenov, juĝisto.
*Überlingen* (Germanujo, Baden). — D.: Edm. Schulz, Bahnhofstr. 29/I.

**Ŝanĝoj.**

*Chemnitz* (Germanujo, Saksujo). — D.: D-ro Fritz Wicke, instruisto, Waisenstr. 18/III.
*Elbing* (Germanujo, Westpr.). — D.: Hermann Greff, ĥemiisto, Äusserer Georgendamm 25.
*Isola* (Aŭstrio, Capodistria). — SD.: Giovanni Degrassi, instruisto.
*Lons-le-Saunier* (Francujo, Jura). — D.: Victor Girod, 32, rue du Commerce.
*Nottingham* (Anglujo). — D.: John V. Elderkin, bankoficisto, 13, Millicent Road, W. Bridgford.
*Pekin* (Ĥinujo). — VD.: Pierre Danthine, Légation de Belgique.
*Posen* (Germanujo, Posen). — VD.: Stefan Sklepik, Augustastr. 18.

**Eksiĝoj.**

*Alameda* (VD.: Gill); *Spencer* (D.: Blaker); *Wolverhampton* (D.: Haines).

## ESPERANTIAJ KONGRESAJ KARAVANOJ

**Karavano Berlin-Paris kaj reen per speciala vagonaro.** — Ĉar la traktadoj kun la diversaj administracioj ankoraŭ ne estas finitaj, ni en tiu ĉi Nº povas doni nur ĝeneralajn klarigojn.

*Prezo.* — La entuta prezo por la vojaĝo estos *Mk. 140 (Sm. 69)* por veturo en *3a klaso* (sufiĉas por ne tro postulemaj personoj) kaj *Mk. 180 (Sm. 87½)* por *2a klaso*. La diritaj prezoj entenas ĉiujn ĝeneralajn elspezojn por vojaĝo de Berlin al Paris kaj reen en speciala vagonaro, loĝado kaj plena nutrado (matenmanĝo, tagmanĝo kaj vespermanĝo, inkluzive vinon, bieron aŭ mineralakvon) en bonaj hoteloj proksime de Gaumont-Palace, ĉiuj trinkmonoj, vizitoj al la vidindaĵoj de Paris kaj ĉirkaŭaĵo en specialaj veturiloj sub la gvidado de spertuloj (al muzeoj kaj kasteloj, supreniro sur la Eiffelturon, al Versailles, vizito de teatro aŭ varieteo, al la fama kastelo Compiègne) kaj gvidlibro tra Paris kun plano de la urbo.

*Programo.* — La forveturo el Berlin okazos sabaton, la 1 aŭgusto, antaŭtagmeze. La alveno en Paris estos dimanĉe, la 2 aŭgusto, frumatene. La reveturo komenciĝos verŝajne dimanĉon, la 9 aŭgusto vespere kaj finiĝos lundon, la 10 aŭgusto vespere en Berlin. La programo por Paris estos aranĝata tiel, ke ĝi ne koincidos kun la kongresa programo; pro tio ni povos ĝin definitive fiksi nur post ekscio de la kongresa programo.

*Survoja aliĝo.* — En ĉiu stacio, kie la speciala vagonaro haltos sur sia vojo tra Frankfurt a. M.—Metz, partoprenantoj povos envagoniĝi (la koncernajn staciojn ni ankoraŭ publikigos). Krom tio oni aranĝos duan elirpunkton en Frankfurt a. M. kaj, se iel eble, trian ankaŭ en Metz, por responde pli malaltaj prezoj ankoraŭ dirotaj. Tio estas grava precipe por karavanoj el nordokcidentaj, okcidentaj kaj sudaj partoj de Germanujo kaj el Aŭstrio. Ni rekomendas, ke la partoprenontoj el tiuj regionoj aranĝu komunan alveturon ĝis Frankfurt eble el Hamburg, Köln (eventuale ĝis Metz) München kaj Wien. Se estos sufiĉe da partoprenantoj, oni povas aranĝi ankaŭ el lokoj oriente de Berlin komunan alvojaĝon al tiu ĉi elirpunkto. Sed ni atentigas pri tio, ke tiajn aranĝojn la partoprenantoj mem devas fari; oni nur bezonas intertrakti kun la koncernaj fervojaj administracioj pri eventualaj rabatoj kaj pri rezervado de specialaj vagonoj en la regulaj vagonaroj.

*Libervola reveturo.* — Ĉi tiu verŝajne ne estos ebla, ĉar la administracio de la Prusaj Ŝtatfervojoj laŭ ĝisnunaj informoj antaŭvideble ne konsentos pri ĝi. Tamen oni ankoraŭ forte klopodas laŭ tiu rilato. La francaj fervojoj verŝajne ne kontraŭstaros libervolan reveturon. Pro tio estas rekomendinde, ke partoprenontoj, kiuj ne deziras reveturi en la speciala vagonaro, aliĝu nur en Frankfurt aŭ Metz.

*Pri la fervoja veturo.* — Nura kunvojaĝo, sen ĝuado de la aranĝoj en Paris, bedaŭrinde ne estos ebla. Sed por kelkaj personoj, precipe por fervojaj geoficistoj, kiuj de sia administracio ricevos senpagan bileton, ni rezervas la rajton de la kunveturo kaj nuran ĝuadon de la aranĝoj en Paris por responde pli malalta prezo ankoraŭ sciigota.

Jen la ĉefaj punktoj, kiujn ni hodiaŭ povas sciigi. Ni esperas, ke karavano fariĝos kvazaŭ granda popolelmigrado al la Deka! Pri la propagando, kiun tia entrepreno faras por Esperanto, ni ne bezonas diri eĉ nur unu vorton.

Por ĉiuj informoj, sin turni ĉe la oficejo de G.E.A. Pirnaischerstr. 54, *Dresden.*

## ESPERANTAJ GVIDLIBROJ

Ekzistas jam nun en nia Esperanta literaturo riĉa kolekto de Esperantaj gvidlibroj; ni scias, ke por la somero prepariĝas novaj tiaj eldonaĵoj. Ĉio tio pruvas, ke pli kaj pli la turismo praktike uzas Esperanton. Multaj el la ĝis nun ekzistantaj gvidlibroj estas eldonitaj, parte aŭ tute, de gravaj neesperantistaj organizaĵoj. Inter ili ni citu la francan fervojan kompanion Orléans, la ministerion de la aŭstriaj fervojoj, la turisman societon de Finnlando, la Komercan Ĉambron de Los Angeles, ktp., ktp. Aliajn eldonis Esperantaj societoj, ĉu per monhelpo de turismaj societoj, ĉu per kolektado de anoncoj.

Nepre subteninda estas tiu movado, sed por alkonduki al bonaj rezultatoj, necese estas, ke oni eldonu gvidlibrojn laŭ certa metodo, kaj havu klaran ideon pri ilia celo kaj disvastiĝo.

Kion celas gvidlibro? Antaŭ ĉio bona gvidlibro celas interesi kaj allogi la fremdulon al la priskribata regiono. Ĝi ne devas esti geografia, etnografia aŭ arkeologia traktato — kiel kelkaj gvidlibroj. Ĝi estas ĉefe *reklamilo*. Sekve, ĝi devas esti konvene presita, eĉ iom

lukse, sur bona papero, kun multnombraj kaj karakterizaj ilustrajoj [1]. Detala teksto pri ĉiuj vizitindaĵoj tute ne estas necesa. El cent personoj, eĉ ne dek legas ĝin. Belaj bildoj, praktikaj klarigoj pri la vojaĝado tra la koncerna regiono (fervojoj, hoteloj, prezoj), nedetala geografia karto sufiĉas. El niaj gvidlibroj oni trankvile povas forigi tiujn tedajn informojn pri la aĝo de la preĝejoj, detalega priskribo de la muzeoj, ĥemia analizo de mineralakvoj, amason de datoj kaj lokaj nomoj, kiuj nenion utilas kaj faras el la „gvidlibra stilo" ion enuigan kaj nelegotan. Kontraŭe libreton elegante ilustritan ĉiu plezure foliumos, konservos kaj eĉ montros.

Kompreneble tia gvidlibro kostas sufiĉe kare, sed dika ĝi ne bezonas esti. En broŝuro de 16 aŭ 24 paĝoj oni povas enmeti sufiĉe multajn ilustraĵojn kaj klarigojn. Eĉ laŭ la graveco de la loko 4 aŭ 8 paĝoj estas sufiĉaj.

Prepari kaj presigi gvidlibron estas unu afero. Alia afero ne malpli grava estas certigi ĝian disvastiĝon. Pri tio oni ofte forgesas zorgi. Kutime, se Esperanta societo ricevis monhelpon por la eldono de gvidlibro, ĝi uzas ĝin por la presado, kaj fiksas prezon por la vendado. Tio estas erara metodo. Ni jam skribis, ke la gvidlibro estas reklamilo. Tiu difino jam klarigas, ke ĝi devas esti senpaga eldonaĵo. Neniu aĉetas komercan prospekton. Same gvidlibron oni ne aĉetas. Por reklami pri iu regiono, oni devas iri al la eventuala kliento, t. e. al la turisto. Nacilingvajn tre detalajn gvidlibrojn oni kelkfoje aĉetas en la urbo mem. Sed ĉe ni tio ne estas ebla. Niaj Esperantaj gvidlibroj celas altiri la fremdulojn. Por tio kiel eble plej larĝa *disdonado* estas necesa. Anonci en gazetoj, ke ĵus eldonitan gvidlibron de X. oni ricevos kontraŭ respondkupono aŭ malalta sumeto, ne sufiĉas. Oni devas antaŭsupozi, ke pri X. la personoj tute ne interesiĝas. La nomita anonco atingos nur la kolektistojn, sed ne la publikon, kiu ekinteresiĝos nur kiam ĝi ekvidos ion pri la reklamata regiono. Senpaga disdonado, zorge farita, estas kapabla veki intereson kaj naski ian konfuzan vojaĝdeziron, kiun postaj disdonoj kaj atentigoj povas maturigi. Tial, oni devas disdoni gvidlibron ne nur unufoje por ĉiam, sed ĉiujare, ekzemple antaŭ la fremdulsezono [2]. Nur inter la periodoj de disdonado oni povas fiksi malaltan vendprezon sufiĉan por pagi la sendelspezojn. La Centra Oficejo de UEA jam aranĝis tian servon, dank'al kiu oni povas ricevi de ĝi per unu sola klopodo diversregionajn Esperantajn gvidlibrojn, almenaŭ la ĉefaj. UEA, dank'al siaj Delegitoj kaj dank'al la kompleta adresaro de siaj membroj, estas speciale taŭga por prizorgi pograndan regulan disdonadon de Esperantaj gvidlibroj. Oni do sin turnu al ĝi por tio.

Pogranda disdonado kompreneble kostas monon, sed sen mono nenia serioza kaj valora reklamo estas ebla. Pro tio la Esperantaj societoj plej ofte povas entrepreni la eldonon de gvidlibro nur, se ĝi ricevas monhelpon de turista aŭ similcela institucio. Ni aldonas, ke tiu monhelpo devas esti sufiĉe grava. Se ne, preferinde estas sin provizore limigi je la eldono de simpla gvidfolio. Antaŭ ol fari peton al iu ajn societo, ĉiu deziranta eldonigi gvidlibron, faru buĝeton, en kiu li devas antaŭvidi ne sole la preskostojn, sed ankaŭ senpagan kaj kelkjaran disdonadon (pri tio oni demandu la C. O. de UEA). Se oni deziras limigi la elspezojn, oni unue malpligrandigu la eldonaĵon, sed ĉiuokaze ne kalkulu pri enspezoj rezulteblaj el vendado. Klopodante por monhelpo, oni prefere petu por la unua jaro sumon sufiĉan por kovri la pres- kaj sendelspezojn, por la sekvantaj jaroj sumon por nova dissendado. Se neesperantista institucio mem entreprenas la eldonadon de gvidlibro, necese estas, se ĝi volas atingi ian rezultaton, ke ĝi disdonigu la eldonitan gvidlibron per la C. O. de UEA aŭ per la Delegitoj — sed ne uzu por ĝin disvastigi la saman sistemon, kiel ĝi uzas por siaj naciilingvaj eldonaĵoj, ĉar tiam la rezultato estas tre malgrava.

[1] Oni speciale zorgu, ke la anoncoj ne difektu la aspekton de la eldonaĵo. Oni prefere metu ilin ĉe la fino aŭ sur kromfolioj el silkpapero.

[2] Pro tio oni evitu enmeti en gvidlibron informojn, kiuj rilatas nur al unu jaro. Se en la priskribata regiono okazas ekspozicio aŭ festo, oni enmetu pri ĝi specialan folion. Tiel, post la nomita okazintaĵo, la gvidlibro ne ŝajnos malnoviĝinta.

Konklude, ni plimultigu la nombron de la Esperantaj gvidlibroj, sed ni ne forgesu zorgi pri la ĉefa afero, nome la disvastigo de tiuj gvidlibroj, ĉar ili ne estas celo en si mem, sed rimedo por konigi iun regionon eksterlanden per Esperanto. *H. H.*

# Esperantia Parolejo

## Korespondu Esperante kun komercistoj!

Mi ofte legadas en *Esperanto* demandojn kaj respondojn, kiel sukcesi, ke Esperanto estu praktike uzata. Permesu al mi rimarkon pri tio: Ĉe ĉiuj Esp. societoj, niaj gvidantoj devas antaŭe akiri per Esperanto kelke da komercistoj, kiuj havas rilatojn kun eksterlando. Ekzemple, mi estas Esperantisto dum du jaroj, kaj posedas detalan vendejon de nutraĵoj. Mi havas interrilatojn kun Hispanoj, Svisoj, Francoj, Germanoj kaj Italoj; en tiuj interrilatoj mi procedas jene: mi mendas la komercaĵojn tute Esperante kaj sube mi notas germane: „Se vi ne komprenos Esperanton, turnu vin al S-ro . . ." — sekvas la adreso de la Delegito en tiu regiono, kie troviĝas la liveranto. Kompreneble la Delegito volonte tradukas al la komercisto, kiu tiel interesiĝas pri Esperanto. Ĉe pagado mi korespondas nur Esperante, ĉar tio estas tre komprenebla. Komercistoj lernos Esperanton, nur kiam oni devigos ilin al tio.

*Frant. Kavan* (Plzen).

## Oni petas!

.·. S-ro *Godpraiser-Shahnovich*, Del. en Konstantinoplo, ricevas amason da leteroj, per kiuj oni petas lin sendi kontraŭ pagoŝarĝo novajn turkajn poŝtmarkojn, albumojn de Konstantinoplo, ilustritajn poŝtkartojn, ktp., ktp. Multaj el tiuj leteroj ne estas akompanataj de respondkuponoj. Li sciigas, ke de nun li respondos nur tiujn leterojn, kiuj estas akompanataj de marko, kupono aŭ poŝtkarto por la respondo.

.·. S-ro *V. Polakov*, Esp-iano en Kamiŝin, Saratov, gub. Krasnaja ul. (Rus.), preparante la duan eldonon de la Adresaro de geknaboj-esperantistoj, dezirantaj korespondadi, petas alsendon de kolektoj de adresoj de junaj geesperantistoj (5 ĝis 17 jaroj) kaj informojn pri lokaj esp. organizaĵoj de geknaboj. La enpresigo estas tute senpaga kiel la pasintan jaron. Li volonte ricevos ankaŭ mallongajn skizojn pri evolucio kaj nuna stato de Esp. en diversaj lokoj. Plezure li presigos en la Adresaro je tre modera prezo anoncojn de esp. aŭ neesp. organizaĵoj kaj eldonaĵoj havantaj porgeknaban intereson. Korespondaĵojn oni bonvolu direkti al la supra adreso kaj doni la adresojn de geknaboj laŭ jena modelo: Fraŭl(in)o, nomo, antaŭnomo, aĝo, gepatra lingvo, lando, urbo aŭ vilaĝo, strato. Laŭdezire oni povas aldoni noton, pri kiuj temoj kaj per kio la korespondado estas dezirata.

.·. S-ro *V. Sirunjan*, Esp-iano en Peterburgo, Nevsk. Zast., Petrovskaja 4.—4, petas alsendon de Esperantaĵoj (precipe komercaj reklamoj) por ekspozicio aranĝota en Psiĥo-Neŭrologia Instituto.

.·. S-ro *S. Ortiz de Arvi*, Del. en San Sebastian (Hispan.), petas ĉiujn samideanojn, ke por akceli la propagandon ili petu la ilustritan gvidlibron, prefere Esperantan, de San Sebastian. Adreso: Sindikato de Iniciativas, Alameda 14, San Sebastian (Hispan.).

.·. S-ro *G. Marchetti*, Del. en Trento, Via San Croce 3, sekretario de la Esp. Societo, petas alsendon de ĵurnaloj, katalogoj, prospektoj ktp. por praktika propagando.

.·. S-ro *A. Schwarz*, Del. en Dortmund (German.), petas ĉiujn Delegitojn de la urboj, kiuj jam havas gvidlibrojn, alsendi unu aŭ du ekzemplerojn. La loka grupo intencas instigi la trafikan sindicaton, ke ĝi presigu esp. gvidlibron tra Dortmund kaj esperas, ke tiamaniere ĝi pli facile sukcesos.

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *G. J. Howe*, Del. en Hood River (Oregon, Usono), esprimas koran dankon al S-ro J. A. Kearney, Del. en Portland (Oregon) pro lia afabla akcepto.

.·. S-ro *P. Danthine*, Esp-iano en Pekin, dankas multe S-ron kolonelo-leŭtenanto Cuvelier, Del. en Beverloo, pro tre grava servo.

.·. F-ino *Moreau*, Esp-ianino en Bruselo, tre dankas al S-ro T. Oster, Del. en Godesberg, pro servo farita je la profito de la Brusela senpaga informoficejo.

.·. S-ro *A. Zakrzewski*, Esp-iano en Varsovio, dankas plej kore S-ron B. Kötz, Del. en Leipzig, pro afabla helpo, dank'al kiu li retrovis la pruntedonitajn malnovajn Esp. librojn.

.·. S-ro *D-ro W. Robin*, Esp-iano en Varsovio, dankas al S-roj Roncati, Del. en Nice; Perret en Nice; kapitano Martin, Del. en Antibes; Cresp, Del. en Cannes, kaj D-ro A. Stromboli en Genova pro afabla akcepto kaj helpo dum lia vojaĝo.

.·. F-ino *J. Šupichová*, Esp-ianino en Praha, kore dankas al ĉiuj samideanoj, kiuj sendis proteston kaj rekomendis la esp. rubrikon al bohema gazeto por junuloj „Malý Ctenář“.

.·. S-ro *C. Tison*, Esp-iano en Paris, en la nomo de la Internacia Esp. Policasocio, kore dankas S-rojn P. K. Geier, Del., kaj K. Bartel, Esp-iano en Graz, pro la vera helpo, kiun ili liveris al la Esp. policanoj en Graz por ilia grupiĝo en I. E. P. A. kaj por aboni al Internacia Polica Bulteno.

# Esperantia Vivo

**Nekrologio.** — La 23 marto mortis en Poix (Francujo) nia amata samideano Esp-iano Charles Lacoche. Forportita je la tro juna aĝo de 20 jaroj, post trijare kuraĝe elportita dolora malsano, li postlasos en la koro de ĉiuj, kiuj interrilatis kun li kaj precipe de siaj samideanoj la plej simpatian memoron pro siaj amindaj ecoj kaj sia fervora sindonemo al nia movado, al kiu li estis aliĝinta de longa tempo. — L. B.

# Reciproka Informado

Ĉiu membro de UEA, kiu deziras ion scii pri *iu ajn temo* (komerco, turismo, libroj, institucioj, ktp.) skribu al ni sian demandon. Ni ĝin enpresos ĉi tie kun vica numero. Tre verŝajne inter niaj membroj, kiuj apartenas al plej diversaj medioj, landoj, profesioj, iu povos respondi. Tiun respondon li bonvolu resendi al ni, kaj ni ĉi tie ĝin enpresos. Ni rezervas al ni la rajton mallongigi kaj aranĝi la tekston de la demandoj kaj respondoj kaj, eĉ tute forigi tiujn, kiuj estus kontraŭ la bonmoroj, la ĝeneralaj principoj de nia gazeto aŭ ne havus sufiĉe ĝeneralan intereson. La demandoj kaj respondoj estu kiel eble plej mallongaj kaj precizaj. Oni skribu ilin tre legeble sur apartaj paperfolioj aŭ poŝtkartoj, aldonante la numeron de la membrokarto de UEA.

---

## Demandoj

24. Mi varme petas respondi, ĉu jam aperis la libro, promesita de D-ro N. Schliemann pri *Atlantis* (vidu *Esperanto* 1913, N-roj 3, 4, 5, 6)? Se jes, en kiu lingvo kaj kie havebla? — M. 3114.

25. Kiu povas montri adreson de firmo fabrikanta maŝinetojn por datumi la komunajn kartonajn fervoj-biletojn, tiamaniere ke la dat-enstampigo restu ne nur ĉizita, sed ankaŭ samtempe kolorigita? — M. 1649.

## Respondoj

La unua cifero montras la numeron de la demando, la dua (inter krampoj) la paĝon de *Esperanto*, sur kiu ĝi aperis.

11 (49). Jenaj rusaj vortoj finiĝas per *ar*: *bukvar*, *kustarnik* (vortaro; arbetaro), per *nj*: *Manja*, *Tanja*, *Sonja*, kaj multaj aliaj. — M. 1878.

13 (65). S-ro Richard, 7, Place de Beaune, Châlon-sur-Saône (Francujo), sin proponas por doni informojn pri tio. — M. 5826.

14 (65). Dum la lasta tempo ni uzas por multobligi leterojn, cirkulerojn, k. a., la Opalografon, kun mirinda sukceso. Ĝi estas uzebla tiel por maŝin- kiel por manskribo. La kopioj, kiujn oni povas fari de la sama originalo estas sennombraj, kaj ili tute similas la originalon. Oni povas uzi diverskolorajn inkojn. Prezaro ĉe: La Opalograph-Compagnie, Burgstrasse 30, Berlin (Germanujo).

14 (65). Ekzistas bonega multobligilo nomata „Zygad“ uzebla por maŝin- kaj manskribo. Prezo: 35 Sm. Sin turni al: Zygad Manufacturing Co., 24-26, Peartree St., Goswell Rd., London.

17 (97). Petu katalogon por kudromaŝinoj „Aŭtomat“ ĉe Albert Amez-Droz, Villiers (Neuchâtel, Svisujo). — M. 8531.

# Alvokoj

## Fajrobrigado kaj Esperanto.

*La fajrobrigado kaj Esperanto en la Esperanto domo ĉe la Internacia ekspozicio por libroindustrio kaj grafikaj artoj.*

*Oni laŭdas!* estis la surskribo de mia unua artikolo (*Esperanto* № 12). Ĝoje mi povas sciigi, ke nun mankas ankoraŭ nur 30 respondoj. Mi tre esperas, ke ili ankoraŭ alvenos. Mi sciigas denove, ke mi turnis min nur al 100 lokoj, kiuj havas almenaŭ 200.000 loĝantojn. Tio por evito de malkomprenoj inter la delegitaro. *Mia hodiaŭa alvoko turnas sin al la Esperantianoj de ĉiuj urboj.*

Por plej efika propagando por Esperanto en la Esperanto domo ni ekspozos la tutan materialon, kiu jam nun estas mirinda. Ni intencas vigligi la rigardon per ilustritaj poŝtkartoj de ĉiuurbaj fajrobrigadoj, montrantaj la ejon, pumpilojn kaj aliajn sciindaĵojn. Ni respondas al ĉiuj kartoj poŝtrevenante. Ni sendos vidaĵon de la Leipziga fajrobrigadejo aŭ de alia vidindaĵo el nia urbo laŭ peto. La poŝtkartoj estos poste kolektataj en albumoj kaj se eble ordigotaj laŭ la landoj. Ili rondiros en la tutgermanaj fajrobrigadejoj (ĉiam celante la propagandon por nia lingvo). Tiuj aldonas siajn vidaĵkartojn kaj la albumoj pliriĉiĝos. Fine la tuta kolekto estos je la dispono de ĉiu nacio. Ni pruntesendos ĝin al ĉiu Unuiĝo de fajrobrigadistoj. Ĝi povas siavice rondirigi ĝin en sia lando, samtempe instruante kaj propagandante inter niaj kolegoj. Finante la rondiron, la albumoj estu resendotaj al ĝia posedanto, t. e. fajrobrigadisto Oswald Panzer, Leipzig-Lindenau, Weissenfelserstrasse 54.

Karaj kolegoj! Atentu speciale je tiu peto kaj Samideanoj ĉiulandaj kunhelpu laŭpove. Ni atingos plej gravan sukceson por Esperanto por nia vere internacia fajrobrigado.

La sukceso estas jam tre videbla en nia urbo, en kiu la brigadestro ordonis la lernadon de Esperanto. Li mem eldonos eble poste statistikan libron pri la tutmonda fajrobrigado. La libro estos eldonata en germana lingvo kaj Esperanto.

Bonvolu adresi ĉiujn poŝtkartojn al la de samideano Panzer supra adreso. Koran antaŭdankon al ĉiuj! Ni ĉiam estos pretaj je kontraŭservoj.

*Bernhard Kötz*, Del. de UEA.
Eilenburgerstrasse 49, *Leipzig*.

## Por malfeliĉuloj

Antaŭ nelonge fortega uragano preskaŭ tute dezertigis la bordojn de Kaspia kaj Azova maroj, pereigis multajn milojn da homoj. Miloj da familioj restis sen subtenantoj, miloj da infanoj sen gepatroj. . . . Karaj samideanoj, helpu do al ĉiuj malfeliĉuloj. Montru

al la homaro la verecon de nia devizo: „Kunfratiĝo de la popoloj". Se ĉiuj Esperantistoj aŭ rondetoj kolektos monon inter siaj anoj eĉ po malmultete kaj sendos al prezidanto de la komitato por kolektado de monoferoj por malfeliĉuloj, nome S-ro Varvarov, Stacio Primorsko-Aĥtarskaja, Kubanskaja obl. (Ruslando), multaj fratoj estos savitaj.

## Granda kulturekspozicio Düsseldorf 1915.

Sub tiu titolo okazos en nia urbo ekspozicio, kiu ankaŭ propagande uzos Esperanton. Aperos propagandfolio en nia lingvo, kaj la ekspozicia komitato petas nin, peti tiujn ĉi foliojn por aldoni po unu ekzemplero al la Esperantista kaj neesperantista korespondaĵo.

Mi ne kredas, ke estas necese rekomendi al la Esperantistaro skribi tuj al jena adreso: „Grosse Ausstellung Düsseldorf 1915" Düsseldorf (Germanujo) Kunstpalast. Poŝtkarto sufiĉas.

Se vi deziras belan ilustritan gvidlibron, kun Esperanta teksto de Düsseldorf, skribu samtempe alian karton al „Verkehrsverein" Graf-Adolfstr. 91, Düsseldorf. Vi tuj senpage ricevos libron.

Por vi eksterlandaj Esperantianoj la elspezo ne estas grava. Sed por ni via helpo estas tre valora; tial ni petas vin, ne hezitu riski la sumeton kaj helpu al ni. Se vi dum la ekspozicia jaro intencas viziti nian urbon, nia grupo kaj la Delegito de UEA ankaŭ al vi helpos kaj agrabligos vian restadon, donante al vi interpretiston, Esperante parolantan.

La Esperantista gruparo Düsseldorf

*B. Luis*, Prezidanto, Del. UEA.

---

TELDE (Insuloj Kanariaj. — S-ro Montiano Placeres, rajtigisto, Pl. (kun ĉiuj landoj).

TELDE (Insuloj Kanariaj). — S-ro Tomas L. Brito, studento, Pl., sed precipe PM. (kun alilanduloj kaj gravaj kolektantoj).

TOMSK (Siberio). — S-ro F. E. Orlof, stutendo de Teĥnologia Instituto, L. (kun lertaj samideanoj).

TOMSK (Siberio). — S-ro Nikolaj Kozlitin, lernanto, Torgovaja ŝkola, Pl. (kun Angloj, Germanoj, Francoj, Usonanoj).

TOMSK (Siberio). — S-ro Disler, lernanto, Tatarskaja 38, kv. Feldŝtein, Pl.

TOMSK (Siberio). — S-ro Vladimir Ostaĥov, lernanto, Irkutskaja ul. 28, Pl.

TOMSK (Siberio). — S-ro Viktor Vasiljev, gimnaziano, Ĉerepiĉnaja 13, kv. 11, Pl.

TOMSK (Siberio). — S-ro Georgo Rimarev, studento, Kondratjevska ul. 33 Pl., L.

TOURS (Francujo, J. et Loire). — F-ino Marie Robert, 15 bis rue Gricourt Pl., kun ĉiuj landoj krom Francujo, Anglujo, Hispanujo, Germanujo.

TREUEN I. V. (Germanujo, Saksujo). — F-ino Sussanne Witter, Oststr. 10, Pl. kaj PM. (kun ĉiulandaj gesamideanoj).

VALSEQUILLO (Insuloj Kanariaj). — S-ro Narciso Reyes, advokato kaj jura sekretario ((kun ĉiuj landoj).

WANDSBECK APUD HAMBURG (Germanujo.) — S-ro Aug. Brüggemann, Bramfelderstr. 42, PM., Pl. (sendos belajn Pl. kontraŭ PM. uzitaj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AERGASLUMIGADO. — Aparaton por Aergaslumigado devas nepre posedi ĉiu, kiu loĝas tie, kie oni ne povas akiri lumigadon per elektro aŭ karbogaso. Malkara kaj tamen belega lumo. Petu prezaron. Adreso: J. M. J. Snoeijink, Denekamp (Nederlando).

AGENTECOJN por ĉiuj landoj prizorgas samideano, nomas devenojn ktp. Senpage, nur unu respondkup. Postlagerkarte 93, Berlin SO. 26.

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Gaston Charcousset* Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Petu* senpagan esperantan prezaron de *J. Pion-Muller*, 21, rue de Lorraine, *Beaune*, Côte-d'Or, Francujo.

ĈIUJ SPERTAJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke dum festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo nek ŝaŭmanta aŭ neŝaŭmanta vino, nek brando nek biero aŭ alia alkoholaĵo estas necesaj. La vera ĝojo devenas el profundo de l'koro kaj ne bezonas instigilon tiel danĝeran kiel la alkoholo. La kutimo festi trinkante estas kaŭzo de multnombra malfeliĉo.—St.

ĈIUJ PERSONOJ, kiuj intencas veni al Kalifornio por viziti aŭ por vivi, estas petataj skribi siajn informpetojn al la suba adreso. Ĝenerala informo pri la Panama-Pacifika Ekspozicio kaj la samtempe okazonta Tut-Pacifika Esperanto-Kongreso estas senpage donata. Berkeley Esperanto-Societo, 1151 Oxford St., Berkeley, Kalifornio, Usono. 3

EDUKEJO POR JUNULINOJ. — S-ino Ed. Tuscher Wuillismenet kaj ŝia filino, diplomita instruistino, akceptas en sia hejmo kelkajn junulinojn dezirantajn lerni la francan lingvon. Prospekto kaj referencoj je dispono. Monata prezo de Fr. 130 (Sm. 52) ĝis Fr. 150 (Sm. 60) laŭ la ĉambro. — Les Erables, Ecole 32, Neuchâtel, Svisujo.

ESPERANTISTAJ KOLEKTANTOJ. — Plena kolekto de *„Universo“* la interesa gazeto por la Belo, unua volumo de 1909/10 verde bindita, nur kvin frankoj, sendelspezo por eksterlando Fr. 1.35 plie. Universala Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse, Genève.

GEESPERANTISTOJ, HELPU. — Mi deziras okupadon en la tropikoj, precipe en Suda Ameriko. Mi entreprenas la direktadon de arbaraj entreprenoj kun necesaj konstruadoj aŭ konstruado de vojoj; geologiajn serĉadojn de metaloj, ŝtonkarbo kaj valoraj mineralaĵoj. Mi studis en Universitato. Adreso: Rudolfo Hesz, Tata (Hungario).

GRUPOJ, SOCIETOJ, sendu poŝtmandaton aŭ ĉekon de 1 Spesmilo al „Eldonejo Esperantista“, adreso: J. van Dam, Kanaalstraat 38, Amsterdam, Nederlando, kaj vi tuj ricevos 1 ekz. *Lerno-Ludo'n* Esperantan; demandaro kaj respondaro, la plej bona lernilo kaj amuzilo por kursoj kaj konversaciaj vesperoj. Al ĉiu mendonto estos ankaŭ sendota Pl. kun jubilea poŝtmarko. 2

GVIDLIBRETO tra Château-Tierry, Francujo, Aisne. — Ĵus aperis gvidlibreto tra la urbo, kie naskiĝis la mondfama fablisto La Fontaine. Gesamideanoj, skribu per poŝtkarto al S-ro Georges Delanoue, Delegito de UEA, 2, rue Drugon-Lecart, Château-Thierry, kaj vi tuj ricevos senpage tiun 16-paĝan broŝureton beliilustritan.

INFORMO. — E. Souchay sciigas siajn korespondantojn, ke li ne plu loĝas 134 bld. Exelmans, sed 29 rue d'Ablon, en Athis-Mons (Seine et Oise) en bela kaj sana ĉirkaŭaĵo de Parizo. Lia edzino volonte akceptos hejme, kiel pagantan gaston, fraŭlinon dezirantan perfektiĝi en la franca lingvo.

INFORMO. — Ĉar je mia anonco pri interŝanĝo de PM. mi ricevis nur tute senvalorajn ekzemplerojn malgraŭ mia peto pri nur valoraj sendaĵoj, mi informas, ke je similaj sendaĵoj mi ne respondos. A. Plaĉovsky, Kutna Hora (Aŭstrio).

INTERESEGA kaj ridiga verko. — Baldaŭ aperos karikatura bildaro kiel broŝuro sub titolo „Malfeliĉa historio de fama Moskva sigelmark-kolektanto“. Ĉe S-ro karikaturisto Petro Sizoff, Poŝtkesto 12, Saratov, Rusujo.

ITALAJ POŜTMARKOJ. — 30 diversaj italaj PM. Sm. 0.40 afrankite; 50 diversaj Sm. 1.—; 5 diversaj ŝtataj poŝtkartoj (neilustritaj) Sm. 0.30, afrankite. Rekomendo 10 sd. plí. A. Reni, Viale Spolverini, 22, Verona, Italujo.

JUNA FRAŬLINO el germana doktora familio deziras pasigi 2—3 monatojn en angla familio por lerni la lingvon. Prefere en kampa domo, kie ŝi povas lerni rajdi. Oni akceptus interŝanĝe anglon aŭ anglinon en familio de germana kolegia profesoro, Del. de UEA, en urbo apud Leipzig. Sin turni al S-ino Schmiedeberg, Delitzsch ap. Leipzig.

LA BLOIS'AJ ESPERANTISTOJ estas je la dispono de la alilandaj Esperantistoj, kiuj trapasos Blois antaŭ aŭ post la Deka Kongreso. Oni sin turnu persone aŭ letere al: S-ro Faucher, 12, rue du Déversoir; S-ino Etienne, 79, rue Bourg Neuf; F-ino Bridel, 11, Quai du Foix; F-ino Feuillard, 8, rue des Ecuries du Roy.

NOVAJ SIGELMARKOJ. — Oficiale eldonitaj okaze de postkongresa ekskurso al la kastelo de Loire (11 aŭgusto 1914). Bela kolekto de malsamaj markoj Sm. 0.200, 4 kolektoj (100 markoj) Sm. 0.600, 20 kolektoj (500 markoj) Sm. 2.400. Haveblaj ĉe S-ro E. Chaussard, 127 bis Faubourg Bannier, Orléans (Francujo) kiu sendos afrankite kontraŭ antaŭpago. Konto ĉe Ĉekbanko Esperantista.

PENSION-LERNEJO: 17 St. Stephen's Square, London W, D-ro O'Connor. M. A. P. D-ro. Prospekto senpage.

10 POŜTKARTOJN ILUSTRITAJN de bela montaro „Krokonoŝe“ (Riesengebirge) mi sendas kontraŭ antaŭsendita Sm. 0.500. Jose Kavan, papervendisto, Jilemnice (Aŭstrio, Bohemujo).

RUSA VORTARO de P. Stojan, laŭ modelo Larousse, enhavas 40 mil vortojn kaj 1300 bildojn. Afrankite kaj rekomendite Sm. 3.50, bone bindita Sm. 3.80. Librejo „Esperanto“, Lubjanski pr. 3, Moskvo.

TESTUDOJ, gardantoj kontraŭ la insektoj en la ĝardenoj. Du belaj testudoj kontraŭ poŝtmandato de Sm. 2.500 por Eŭropo; ekster Eŭropo oni aldonu la poŝtelspezojn. Adreso: H. Manson, Librejo Esperanto, Ferryville (Tunizio).

